**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
ZARAGOZA-1

*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
Teléf. 246-80-79
MADRID-15

Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Sekretario:
S-ro José M.ª González Aboín
**Oficina Central:**
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-15

Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.° 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-15

Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-15

Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 200 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION DEL LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | Pesetas |
|---|---|
| *Suma anterior* ... ... | 416.842,— |
| Pedro Nuez ... ... ... ... ... | 5.000,— |
| Alfonso Escamilla ... ... ... | 500,— |
| Gerardo Flores ... ... ... ... | 15.000,— |
| Paco kaj Amo ... ... ... ... | 1.000,— |
| V. O. G. ... ... ... ... ... ... | 1.000,— |
| 6 aportaciones anónimas a través de P. Nuez ... ... | 1.000,— |
| J. López Morales ... ... ... | 500,— |
| *Total* ... ... ... ... ... | 440.842,— |

Madrid, 30 de julio de 1975.
*Gerardo Flores*
Tesorero de H.E.F.

NOVAJ DUMVIVAJ MEMBROJ

N.° 17. Marcelina Palomo de Figuerola (N.° 2.114).
N.° 18. Amalia Núñez Dubús (N.° 54).
N.° 19. Manjo Garcés Coll (N.° 2.279).

DONATIVOS PARA BOLETIN - 1975

| | Pesetas |
|---|---|
| *Suma anterior* ... ... ... | 5.329,— |
| 1 X 2 (Zaragoza) ... ... ... ... | 500,— |
| Pedro Nuez (Barcelona) ... ... | 500,— |
| Familia Criach (Calella de la Costa) ... ... ... ... ... ... | 1.000,— |
| Pura Tamarit (Valencia) ... ... | 100,— |
| *Total* ... ... ... ... ... ... | 7.429,— |

ATENTU

En la lotumado de la akvarela pentraĵo okazinta dum la kongresa bankedo, trafis la sorton la *n.° 10 de la 1.ª serio (verdkolora bileto).*

La gajninto bonvolu sin turni rekte al la Prezidanto de la LKK. S-ro José Franquesa, P.° de Ronda, 90, LERIDA.

# NIA XXXVª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN LERIDA

Se ĉiam post la okazigo de Kongreso ni devas danki la Lokan Kongresan Komitaton pro ĝiaj preparlaboroj kaj zorgo por ke la Kongreso bone sukcesu, ĉijare, la Loka Kongresa Komitato meritas specialan dankon kaj gratulon pro la sukceso de la Kongreso, tial ke, en Lérida ne ekzistas organizita Esperanto-Grupo, nur tre malgranda nombro da esperantistoj, kiuj sub la lerta gvidado de S-ro José Franquesa Solé entuziasme kunlaboris en la organizado de ĉiuj detaloj.

Kiel anoncite, la Akceptejo kaj Kongresejo funkciis en la Instituto de Ilerdensaj Studoj, situanta en bela antikva konstruaĵo de gotika stilo (XV.ª-XVI.ª jarcentoj) deklarita Nacia Monumento, kies centra korto estis agrabla babilejo por la kongresanoj dum tiuj eksterordinare varmegaj tagoj.

Vendredon, 18-an.

Dum la tuta tago membroj de la L.K.K. kaj esperantistoj de Sabadell deĵoris en la Kongresejo, kie oni liveris la dokumentojn, informis pri iu eventuala dubo kaj kie funkciis la Libroservo sub la rekta gvidado de Oscar kaj Hector Puig Canoves, kiuj malgraŭ sia juneco (16 kaj 14 jaraj respektive) senlace kaj efike deĵoris dum la tuta Kongreso. Ili bone regas la lingvon.

Je la 22,30 horo, en la somera ĝardeno de sporta klubo "Antorcha" havis lokon la Interkona Vespero; dum ĝi la Junulara Esperanta Sekcio Sabadell ludis teatran verketon "Ĉu verda, ĉu nigra?" esperantigitan de nia samideano Liberto Puig Gandía, prezidanto de la Centro de Esperanto Sabadell.

Sub la gvido de geedzoj Ribes-Parera aktoris jenaj gejunuloj: Artur Armengol, Silvia Martínez, Marta Lladó, Sebastián Ribes, Montserrat Parera, Llorenc Martí, Vicenc García, Francesc Soley kaj Ricard Ventura. La juna Canyelles ludis la fluton. La verketo estas amuza kaj samtempe interesa, kaj ĉiuj ludis sian rolon kiel veraj aktoroj. La ĉeestantoj premiis la laboron de la artistoj per entuziasmaj aplaŭdoj. Sekvis dancado, kiu daŭris ĝis tre malfrue. Entute, tre agrabla programero.

Sabaton, 19-an.

Je la 12-a en granda salono de la Sindikata Domo okazis la Solena Malfermo de la Kongreso. Prezidis Lia Moŝto la Urbestro de Lérida, Sro. Miguel Montaña Carrera. Akompanis lin ĉe la prezida tablo la Prezidanto de la Hispana Esperanto-Federacio, Sro. Angel Figuerola Auque; la Provinca Delegito de la Ministerio pri Informado kaj Turismo, Sro. José Antonio Tarragó Pleyán; la Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato, Sro. José Franquesa Solé; la Honora Prezidanto de H.E.F., Dro. Rafael Herrero Arroyo; Prof. Dro. Juan Régulo Pérez kaj la membroj de la estraro de H.E.F., Sroj. Gerardo Flores, Pedro Nuez kaj José M.ª González Aboín.



Sceno de la verketo «Ĉu verda, ĉu nigra?»



Prezida tablo. Sro. Franquesa salutas dum la Solena Malfermo de la Kongreso.

Kiel Sekretario funkciis la Vicsekretario de la Hispana Esperanto-Federacio, Sro. Hector L. Figuerola Palomo.

La Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato per sobraj sed samtempe realecaj kaj simpatiaj vortoj dankis la aŭtoritatulojn pro ilia helpo, kaj bonvenigis la kongresanojn dezirante al ĉiuj feliĉan restadon en Lérida kaj sukcesan Kongreson.

La Sekretario legis kelkajn ricevitajn salutojn. Sekvis la salutoj de la eksterlandaj samideanoj alvenintaj kaj tiuj de la reprezentantoj de Sekcioj kaj Grupoj de H.E.F.

La Prezidanto de la Hispana Esperanto-Federacio dankinte la aŭtoritatulojn pro ilia apogo al la Kongreso kaj ĉefe, pro ilia ĉeesto en tiu inaŭgura aranĝo, petis de la Droj. Herrero Arroyo kaj Régulo Pérez, ke ili kiel plej elstaraj membroj en la Hispana Esperanto-movado adresu kelkajn vortojn al la ĉeestantoj. Dro. Régulo Pérez per sia karakteriza parolmaniero, konciza sed klara kaj konvinka, komentis en Esperanto siajn pensojn dum la prezentado de la verketo "Ĉu verda, ĉu nigra?" kaj paralelis ĝin kun siaj sentoj de kiam li eklernis Esperanton. Li neniam dubis, ĉiam la verda koloro superregis ĉar li ĉiam esperis kaj feliĉe li daŭre esperas. Por li Esperanto estas plej amata donaco, tial li ĝin konservas en ĝia tuta pureco kiel li ĝin ricevis de la Majstro.

Poste, Dro. Herrero per sia konata parolflueco esprimis en hispana lingvo, sian ĝojon kongresi en Lérida kaj rememoris tiujn leridanajn geedzojn, kiuj restis en Valencia laŭ ordono de la Reĝo Jaime la I.ª por popolumi la urbon post ĝia rekonkero kaj kies nomoj estas gravuritaj ĉe la enirejo de la Katedralo de Valencia.

Lia Urbestra Moŝto Sro. Montaña Carrera per ja esperanteca paroladeto aŭguris plenan sukceson al la Esperanto-movado kaj esprimis sian ĝojon pro la okazigo de la Kongreso en Lérida. Li dankis al Dro. Herrero liajn vortojn dediĉitajn al tiuj leridanoj el kiuj devenas la valencia popolo, kaj fine, li deklaris inaŭgurita la Kongreson.

Granda estis nia surprizo kaj danko kiam je la fino, la Urbestro adresis al ni kelkajn vortojn en Esperanto.

Ĉiuj parolintoj estis varme aplaŭditaj. Per kantado de "La Espero" finiĝis la solenaĵo.

Je la 13.ª okazis la Oficiala Akcepto fare de la Provinca Konsilantaro en la Instituto de Ilerdensaj Studoj. En la centra korto de la konstruaĵo ni estis regalitaj per aperitivo.

Je la 16.ª en salono de la Ŝparkaso "Caja de Pensiones para la Vejez y Ahorro de Cataluña" estis inaŭgurita Esperanto-ekspozicio; en ĝi prezentiĝis diversa materialo, kiu vekis grandan intereson en la ekstera publiko.

Je la 16,30 en salono de sama Ŝparkaso kunsidis la Estraro de H.E.F. kun la delegitoj de Sekcioj kaj Grupoj. Dum la kunsido oni studis kaj detale pritraktis ĉiujn punktojn de la tagordo por la Ĝenerala Kunveno de la Hispana Esperanto-Federacio, kaj ceterajn proponojn de la kunsidantoj. Intertempe, aparte okazis fakaj kunvenoj kaj laborkunsidoj.

Dum la Kongreso la Estraro de H.E.F. kaj Prezidantoj de Sekcioj ankaŭ kunsidis por pritrakti diversajn aferojn.

Estis mirige por mi, ke, ĉijare, ĉiuj aŭ preskaŭ ĉiuj kunsidoj efektiviĝis en la hispana lingvo.

Je la 20.ª ĉiuj kolektiĝis en la "Seu Vella" (Malnova Katedralo) por partopreni la Meson en Esperanto. Celebris kaj predikis en la Internacia Lingvo Pastro Manuel Casanoves CMF.

La sobra beleco de la "Seu Vella" de Lérida kaj la partopreno de la "Coral Sícoris", kiu sub la direktado de Majstro Antonio Virgili, belege kantis diversajn religiajn pecojn rilatantajn al ŝanĝeblaj partoj de la Meso igis la ĉijaran liturgian kunvenon pli solena ol kutime.

Fininte la Meso, la "Coral Sícoris" regalis nin per belega koncerto el variaj polifoniaj kaj popularaj verkoj, kantante en Esperanto nian himnon "La Espero" kaj la katalunan popularan kanzonon "Montanyes del Canigó" (Montaroj de kanigó). Tondra aplaŭdado premiis la laboron de "Coral Sícoris".

La ĉeesto de Lia Moŝto la Urbestro kun lia edzino kaj filinoj en la "Seu Vella" dum la Meso kaj la koncerto evidentigas ke ankaŭ en Lérida kreiĝis favora etoso por Esperanto.

Dimanĉon, 20-an.

Kiel anoncite la kongresanoj ekskursis al "Valle de Arán" (Valo de Arán). La aŭtoĉaroj startis de antaŭ la Kongresejo kaj tra bela ŝoseo ni eniris en la fruktodonan teritorion de la Valo de Arán, kie ni povis ĝui la belecon de tiu mondkonata valo. Malgraŭ nia priskribo pri ĝia impona beleco en antaŭa numero de BOLETIN, —eble ĝi estis tro konciza— ni povis konstati la miron de tiuj, kiuj ne konis tiun parton de la Pirenea Montaro.

En Viella, ĉefurbo de la Valo de Arán ni estis oficiale akceptitaj en la Urbodomo; pro foresto de la Urbestro Sro. José Calbetó, bonvenigis nin nome de la Magistrato, la Vicurbestro, kiu tre afable kaj simpatie dediĉis al ni kuraĝigajn vortojn por nia plulaborado. Poste, li legis mesaĝon de la Urbestro, kiu interalie diris: Vi, same



Esperanto-ekspozicio.



**Lia Moŝto la Vicurbestro de Viella legas la mesaĝon de la Urbestro dum la akcepto en la Urbodomo.**

kiel ni estas internaciecaj, vi pere de la internacia lingvo Esperanto, celas homan interfratiĝon; la Valo de Arán geografie fermita, scias etendi la manon al ĉiuj, kiuj ne konas homajn limojn. Ĝi estas popolo nete hispana; sed eble ĉar ĝi loĝas apud la landlimo, ignoras konvenciajn dividojn kaj scias ĉirkaŭbraki kaj interparoli kun tiuj, kiujn, eĉ se fremdaj sur la mapo, ni konsideras gefratoj. Per tondra aplaŭdado la kongresanoj dankis same la afablan bonvenigon de la Vicurbestro, kiel la posta legado de la urbestra mesaĝo. Poste la Magistrato regalis nin per refreŝigaĵoj kaj manĝetoj en restoracio de la urbo.

Entute ĝi estis tre agrabla ekskurso. Lundon, 21-an.

Ĉar neniu sin aligis por partopreni la Oratoran Konkurson, oni devis rezigni la efektivigon de tiu aranĝo. Je la anoncita horo la Patronaro de "Fundación Esperanto" informis la publikon pri sia decido, deklari la Konkurson nula.

Je la 11.ª, en la Kongresejo, okazis la kutima ekzamenado. Aparte oni informos pri la rezulto.

Je la 12.ª, ĉiuj kolektiĝis ĉe la Palaco de la Pahería —Urbodomo—, kie Lia Moŝto la Urbestro Sro. Montaña oficiale akceptis nin. Akompanis la Urbestron, la Vicurbestro Sro. Ernesto Corbella kaj Sro. José Rosell, magis-



**Amika babilado dum la Oficiala Akcepto en la Urbodomo de Lérida.**



Antaŭ la tabulo kiu donas nomon «Dr. Zamenhof» al nova strato de Lérida.

tratano pri festoj, konkursoj kaj urbaj iniciatoj, kiu detale kaj bone dokumentite klarigis al ni la tre interesajn valorojn enhavatajn en la urba palaco.

Fininte la viziton, ni translokiĝis al la kvartalo Cap-Pont, kie la Vicurbestro Sro. Corbella kune kun la Prezidanto de la Hispana Esperanto-Federacio malkrovis la tabulon, kiu donas nomon "Dr. Zamenhof" al nova strato de Lérida. Post la kutimaj vortoj same de la Vicurbestro kiel de la Prezidanto de H.E.F. kaj kantado de "La Espero" ni translokiĝis al la parko "Campos Elíseos", kie en la somera ĝardeno de Klubo "Antorcha", la Magistrato regalis nin per Honora Vino.

Je la 16,30, en la granda salono de la Ŝparkaso okazis la Ĝenerala Kunveno de la Hispana Esperanto-Federacio. En ĝi estis aprobitaj ĉiuj punktoj de la tagordo, krom la 7-a punkto, ĉar neniu Grupo proponis sian urbon por okazigi la venontjaran Kongreson; oni multe pritraktis la aferon kaj fine, oni decidis studi la eblecojn por ĝin okazigi en La Coruña, El Ferrol del Caudillo aŭ Cuenca. Oportune, la estraro de H.E.F. informos pri la urbo kaj la dato.

Laŭ propono de Sro. José Soler Sempere, apogita de katalunaj esperantistoj, de nun, same la Esperantistaj Renkontiĝoj okazontaj en la valencia regiono kiel la Katalunaj Esperantistaj Renkontiĝoj estos organizitaj de la Federacio anstataŭ de la Grupoj por ke ili estu menciitaj en la Sekretaria Raporto de H.E.F.

Mi bone komprenas la sintenon de Sro. Soler Sempere per tiu propono, sed mi ne kapablas kompreni la apogon de la lokaj Grupoj de tiuj du regionoj por tia propono.

La Prezidanto de H.E.F., Sro. Angel Figuerola Auque proponis ke estu nomita Honora Membro de la Hispana Esperanto-Federacio, Prof. Dro. Ivo Lapenna, dank-esprime al lia granda laboro por Esperanto. Varma aplaŭdado emfazis la proponon de nia Prezidanto; sekve, la propono estis unuanime aprobita.

Ĉar la Ĝenerala Kunveno daŭris tro longe, ĝi estis la fina punkto de la programo, tiu tago.

Mardon, 22-an.

Je la 10.ª, de antaŭ la Kongresejo startis la aŭtobusoj por viziti la industrian kvartalon de l' Segre, speciale, la bier-kaj malt-fabrikon "San Miguel", grava entrepreno situanta en tiu kvartalo. Tre interesa estis la vizito al tiu fabriko, kie tre afable oni akceptis nin kaj montris al ni la diversajn halojn, kie okazas la fabrikado de ambaŭ produktoj; teknikistoj klarigis al ni la



Sro. Mora i Arana prelegas.

funkciadon de la maŝinoj kaj la evoluon de la produktoj. Post la vizito oni regalis nin per biero kaj manĝetoj.

Je la 17,30, en la "Aula Magna" de la Instituto de Ilerdensaj Studoj, la elstara poeto, same en la kataluna kiel en Esperanto, Sro. Gabriel Mora i Arana prelegis en Esperanto pri Historia Evoluo de la Kataluna Poezio kaj Ilerdensaj Poetoj. Pro la intereso de la temo kaj ĝia bone dokumentita prezentado, anstataŭ raporti pri la prelego, ni publikigos ĝin en venonta numero de BOLETIN.

Tuj sekve, okazis la Solena Fermo de la Kongreso. Lia Moŝto Sro. Juan Salat, urbestro de Cervera —urbo, kiu en la pasintjara septembro gastigis la 16-an Katalunan Esperantistan Renkontiĝon—, esprimis sian simpation pri la Internacia Lingvo kaj afable salutis al la kongresantoj.

Poste, la Provinca Delegito de la Ministerio pri Informado kaj Turismo, Lia Moŝto Sro. José Antonio Tarragó fermis la Kongreson post tre interesa kaj dokumentita parolado pri la lingvaj problemoj. Ĉiuj parolintoj estis varme aplaŭditaj. Per kantado de "La Espero" finiĝis la solenaĵo.

Entute, bela fina punkto por tiel zorge organizita Kongreso.

Je la 22.ª ĉiuj kunvenis en la restoracio de "Hostal Condes de Urgel", kie okazis la Oficiala Bankedo. Ĝi estis ripoziga ero post tiu streĉa Kongreso.

Specialan mencion meritas la Konversacia Esperanto-lecionaro, kiun klarigis dum la tagoj 19-21 kaj 22 Sro. Pedro Nuez, de Barcelona; partoprenis ĝin multaj esperantistoj, sed la granda intereso kiun vekis tiuj lecionoj en la ekstera publiko konsistigas ĝian plej grandan sukceson. Nian gratulon kaj dankon al Sro. Pedro Nuez pro lia pozitiva laboro.

*Inés Gastón*

Ĉiujare, en Majo, la fervojistaro de Eŭropo pretigas sian valizon por aliri al la alvoko de la I.F.E.F.-Kongreso.

De la 10-a ĝis la 16-a de Majo, fervojistoj el 19 landoj vojaĝis al la urbo Villach (Aŭstrio) por kongresi en belega kongresejo apud la rivero Draŭ.

Partoprenis la kongreson 620 personoj el 19 landoj; el ili, 28 el Hispanujo.

La plej granda grupo forveturis el Barcelono, vendredon la 9-an de Majo; en Venezio aldoniĝis grupeto da hispanoj, kiuj forveturis jam ĵaŭde vespere.

Pere de rezervita vagono, pli ol 70 samideanoj veturis de Venezio ĝis Villach.

La grupo, krom la hispanoj, konsistas el francoj, svisoj, angloj kaj italoj.

Problemetoj tute ne mankis survoje; ekzemple en Venezio franca samideano konstatis, ke lia monujo ne plu estas en sia poŝo. Do, malbona komenco por tiu kongresano. Nia bona samideano E. Tarlindano, staciestro de Venezio, prenis sur sin la taskon retrovi la perditan monujon.

Tuj post la forveturo de la vagonaro VENEZIA-VILLACH, hispanaj gesamideanoj memoris, ke ilia pasporto restas ankoraŭ en la hotelo de Venezio, kie ili tranoktis. Denove S-ro Tarlindano prenis sur sin la taskon solvi tiun problemon antaŭ la landlimaj policanoj; li sukcesis, ke la forgesemaj gehispanoj eniru Aŭstrion sen pasporto.

La programo de la kongreso estis tre varia: sabate okazis la Interkona Vespero, dum ĝi "Kvarteto Esperanto" per bone ludata muziko dancigis la plimulton de la 300 partoprenantoj; malgraŭ la supozebla vojaĝlaceco, la plimulto restis ĝis noktomezo.

Dimanĉe matene, pli ol 400 gekongresanoj partoprenis la Sanktan Meson en la preĝejo Sankta Nikolao; ĝin celebris pastro Albino Ciccanti el Rimini.

En luksa kaj granda salono de la Kongresejo "KONGRESHAUSS" de Villach okazis la solena malfermo; ĉeestis aŭtoritatoj el la urbo Villach, estraranoj el aŭtria fervojo, delegito de U.E.A. kaj reprezentanto de F.I.S.A.I.C. La fervojista orkestro de Arnoldstein ludis por la ĉeestantoj. Poste, la reprezentantoj de 19 landoj salutis la Kongreson kaj finfine la prezidanto de I.F.E.F. per flua parolado malfermis la Kongreson.

Posttagmeze okazis ekskurso al Villach-a Alpoj, dum kiu la kongresanoj ĝuis la belecon de tiu regiono.

Vespere la gekongresanoj havis la okazon konstati la riĉecon de la karintia folkloro pere de muzikistaro, belaj polifoniaj kantoj kaj popoldancoj fare de lertaj kanthoro kaj dancgrupo.

Dum la paŭzo estis nomitaj honoraj membroj de IFEF, la eksestraranoj S-ro De Jong kaj S-ro Walder, pro la longjara gvida laboro de ambaŭ en I.F.E.F. Poste la F.I.S.A.I.C.-reprezentanto transdonis oran F.I.S.A.I.C.-medalon al la nuna sekretariino de I.F.E.F. S-ino E. Kruse, pro ŝia multjara kontribuo sur internacia nivelo de I.F.E.F. al la celoj de F.I.S.A.I.C.

Lundon kunsidis dum pli ol tri horoj la estraro kaj la komitato por pritrakti la tagordon. Poste kunsidis la fakprelega komisiono.

Vespere la urbestro de Villach regalis ĉiujn gekongresanojn per abundaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj. Post tiu akcepto la gekongresanoj jam havis bonan humoron kaj dancemon por la Internacia Balo, dum kiu denove ludis "Kvarteto Esperanto" ĝis la dua frumatene.

Mardon matene okazis la fakprelego. Ĝi traktis pri la aŭtomobiltransportado tra la fervoja tunelo inter Salzburgo kaj Karintio. Tuj sekve oni projekciis filmojn pri la pasinta I.F.E.F.-Kongreso de Tarragono, pri la venonta kongreslando Svedujo kaj pri la pasinta Skisemajno en Italio. Finfine estis projekciita belega filmo pri la aŭstria regiono Karintio.

Merkredon okazis la dua kunsido de la estraro kaj komitato kiu daŭris preskaŭ 4 horojn.

Posttagmeze okazis ekskurso al Trilanda Angulo, supre la Arnoldstein en alteco 1.509 m. Dum la ekskurso la urbo Arnoldstein inaŭguris Esperanto-stra-

ton. Sekve la I.F.E.F.-prezidanto, urbestro de la urbo kaj landaj delegitoj, komune plantis aceron.

Vespere okazis, en salono de la kongresejo, forumo kiun ĉeestis 90 personoj; multaj el ili faris demandojn koncerne la gastlandon, kiujn respondis la L.K.K.-anoj.

Ĵaŭdon matene okazis la plenkunsido; la sekretariino sciigis ke okaze de la kongreso estis alvenintaj diversaj letersalutoj: inter aliaj alvenis salutleteroj de: la ŝtatestro de Aŭstrio, de la federacia kanceliero, de la prezidanto de aŭstria parlamento, de la ĝenerala sekretario de U.N., ktp.

Por 1976 la komitato unuanime akceptis Skelleftea (Svedujo) kiel kongresurbon; por 1977 provizore invitis Hungario kaj Belgio.

Posttagmeze kiel ja estas kutimo en IFEF-Kongresoj, oni ludis futbalmaĉon inter la internacia teamo de IFEF kaj loka teamo de Villach. La rezulto kiel kutime, estis malfavora al IFEF-teamo.

Vespere daŭris la junularaj aranĝoj per vigla balo kiun animis la ritma muziko de "Kvarteto Esperanto".

Kiel lasta ero de la Kongreso, vendredon okazis tuttaga ekskurso al lago Worth kaj Klagenfurt; post la vizito al "MINIMUNDUS" ni tagmanĝis en restoracio "Messehalle" kie okazis la oficiala fermo de la Kongreso dum la tagmanĝo.

Pli ol 200 kongresanoj partoprenis la postkongreson en la ĉarma urbo Salzburgo.

*R. Devis*

## KONGRESA REZOLUCIO

La 27-a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio, okazinta en Villach (Aŭstrio) kun 675 partoprenantoj el 20 landoj,

— konstatas, ke spite al nekontesteblaj komplikaĵoj ĝenerale kaj daŭre estas aplikataj en internaciaj konferencoj la ĝisnunaj konservativaj metodoj de lingva interkompreniĝo pri buŝa interpretado resp. traduko de skriba materialo,

— atentigas, ke ankaŭ la fervojaj kompanioj, fervojistaj sindikatoj kaj aliaj organizaĵoj de fervojistoj aplikas samajn metodojn, pro kio perdiĝas sennombraj laborhoroj kaj konsiderinde plialtiĝas la kostoj,

— akcentas, ke la uzado de nur malmultaj "laborlingvoj" krome signifas lingvan subpremadon de tiuj, kiuj ne regas tiajn lingvojn kiel gepatran lingvon, kio samtempe signifas plej fortajn malutilojn por la reprezentantaj kompanioj aŭ organizaĵoj,

— opinias, ke fervojaj kompanioj, sindikatoj kaj aliaj organizaĵoj devus havi grandan intereson plej rapide forigi tiajn lingvajn nejustaĵojn kaj pro tio,

— rekomendas, helpe de taŭga, longtempe praktike elprovita neŭtrala lingvo krei sur internacia nivelo la kondiĉojn por rektaj, samrajtaj, senkomplikaj lingvaj kontaktoj,

— proponas por tiu celo la internacian lingvon Esperanto, kiu plenumas ĉiujn kondiĉojn,

— deklaras, ke la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio pretas kunlabori por atingi tiun celon.

---

### 17.a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-SKISEMAJNO I.F.E.S. - 1976

De la 8.a ĝis la 13.a Februaro 1976 okazos la 17.a IFES en la montara domo de "U.E.C." (Unión Excursionista de Cataluña) en LA MOLINA (Gerona).

La skistacio "La Molina" situas en la Katalunaj Pireneoj je alteco 1.500 m.

La U.E.C.-domo distancas proksimume 10 minutojn piede, de la stacidomo La Molina, sur la fervojlinio Barcelona-Puigcerdá apud la franca landlimo.

La nombro de partoprenantoj estas limigita je 70 personoj.

Informoj kaj aliĝiloj ĉe la Delegito Sro. José Molina, P.o Torras y Bages, 51, 4.o, 1.a. BARCELONA-16.

## S-rino ROSA ROSELLÓ DE GUMÁ

forpasis en Reus la 14-an de aŭgusto 1975
Pacan ripozon al ŝi!

Post longa kaj doloriga malsano forpasis en Reus S-rino Rosa Roselló, edzino de nia kara samideano kaj amiko S-ro Salvador Gumá.

Kankam ŝi ne parolis Esperanton, ŝi ĉiam sin montris vera esperantistino, apogante la laboron de sia edzo kaj akompanante lin en ĉiuj esperantistaj aranĝoj. Ni dediĉu al ŝi penson de amo por juste ŝin reciproki je la alveno en la Finon de la virta irado.

Por ŝia familio, speciale por ŝia edzo, nia kunlaboranto en BOLETIN, nian plej sinceran kondolencon.

## S-rino ISABEL ASTALS DE VENTURA

forpasis en Tarrasa la 21-an de aŭgusto 1975
Pacan ripozon al ŝi!

Ĉar nenio antaŭvidigis tian malfeliĉan okazaĵon, la sciigo pri ŝia forpaso forte kortuŝis nin. Kun profunda bedaŭro ni informas pri la neevitebla perdo.

Respekti la antaŭulojn, esti bona edzino, kaj zorgi kaj eduki la gefilojn, estas agoj, kiuj permesas al la virino atendi trankvile la morton.

Por ŝia familio kaj speciale por ŝia edzo nia elstara samideano kaj amiko, S-ro José Ventura Freixas, nian plej sinceran kondolencon.

---

## DANĜERA ĤIMERO

Kun miksitaj sentoj mi legis eĉ relegis la planon de estonteco de CED, prezentitan de ĝia aganta direktoro d-ro J. Pool en "Esperanto" n-ro 832 (4)-1975 kaj pli amplekse en "Heroldo de Esperanto" n-ro 9-1975, ne sciante, ĉu ĝi estas ŝerco, mistifikaĵo aŭ serioza propono. (Ĉiuj vortoj aŭ frazoj en la cetsignoj estas originalaj de la planinto.)

D-ro Pool antaŭ ĉio riproĉas esperantistojn, "kiuj atendis, ke la homoj, kun fakaj kapabloj malkovru Esperanton, anstataŭ, ke la homoj, kiuj malkovris Esperanton akiru fakajn kapablojn". Plue la esperantistoj "pri Esperanto kiel lingva fenomeno eĉ ĝiaj scipovantoj scias malmulton" kaj eĉ kuraĝas emfazi, ke "la gramatiko (de Esperanto - I.D.) konsistas el 16 mallongaj reguloj...". Kritikante la ĝisnunan agadon de CED li proponas reorganizi CED, kiu "povas servi samtempe al Esperanto kaj al la homaro. Ĝi estos donaco al la mondo fare de la Esperanto-movado" (?!!-I.D.) Mallonge la direktoro proponas krei anstataŭ la ĝisnuna CED ian mondan superan akademion, kiu "donus informojn kaj konsilojn pri lingvo-problemoj kaj eblaj solvoj (?!-I.D.) inkluzive de Esperanto" (eble alia "planlingvo" ?-I.D) kaj liveros "ekspertojn" por "62 fakoj"...

Tiu nova CE(?)D fakte eĉ ne estos esperanta, ĉar "atendeble, triono de la konsilantaro kaj kelkdeko da korespondantoj estos neesperantistoj" (!!-I.D.) kaj UEA devos pagi al tiu nova CED 10 % de *ĉiuj* enspezoj!...

Kun granda zorgo kaj bedaŭro oni povas konstati, ke en la esperanta movado laste aperas diversaj t.n. "interlingvistoj", "sciencistoj", "teoriuloj", okupiĝantaj pri "planlingvoj" (?), pliboniĝantoj de Esperanto, hardisfendaj specialistoj. Fakte ili malutilas al la movado kaj kiel negativa ekzemplo povas servi la kontraŭesperanta enkonduko de la "speciala scienca redaktoro" al "Esperanto-rusa vortaro" de Bokarev, trastrekinta fakte per siaj "sciencaj" konkludoj la inponegan laboron de la aŭtoro!

La plano prezentita de la nuna aganta direktoro de CED estas malutila al la movado kaj danĝera ĥimero.

Kaj kun granda danko la esperantistaro pritaksu kaj rememoru la antaŭan *veran* CED, gviditan de unu talenta kaj sindona homo helpe de la sekretariino, kies agado alportis rimarkindajn rezultojn kaj grandan utilon al la movado.

*Mag. Isaj Dratver,* Israelo

# IMPRESOJ DE PRELEGINTO EN GYULA



Ĉe la Zamenhof-memorŝtono en Gyula. De dekstre, gesamideanoj Enrico Mingo, el Napolo (Italio); Fernando de Diego, el Zaragozo (Hispanio); s-ino Deke, el Dresdeno (Popola Germana Respubliko) kaj Lajos Kápitany, el Budapesto (Hungario).

Oficiale invitite de la hungara organizaĵo *Tudományos Ismeretterjesztö Társulat* (proksimuma traduko: Scienco-diskoniga Asocio), nia kunlaboranto Fernando de Diego partoprenis en la Somera Esperanto-Universitato okazinta en Gyula (Hungario), de la 6.ª ĝis la 12.ª de julio de la nuna jaro.

Jam denove en Zaragozo, s-ano de Diego volonte respondas al niaj demandoj:

—En kiu karaktero vi ĉeestis la kunvenon de Gyula?

—Oni invitis min prelegi pri la figuro kaj la verko de la hispana klasikulo Lope de Vega. Mi faris la prelegon la 10-an de julio kaj ilustris ĝin per diapozitivoj afable disponigitaj en Zaragozo de la Provinca Delegacio de la Ministerio por Klerigo kaj Scienco. Ĉirkaŭ ducent personoj el dek diversaj landoj ĉeestis la prelegon, kaj mi devas ĉi tie publike danki ilin pro ties favora reago al mia parolado. Lope de Vega estas konata en la socialismaj landoj de orienta Eŭropo, ĉefe pro sia dramo *Fuenteovejuna,* tie titolita *La perdita vilaĝo.*

—Ĉu ni havos okazon legi ie vian prelegon?

—Povas esti. La ĉefredaktoro de *Hungara Vivo,* s-ro Gergely Mihály, kun kiu mi havis la plezuron konversacii du fojojn en Budapesto, eble inkluzivigos la tekston de la prelego en venonta numero de sia revuo.

—Kia estas via ĝenerala impreso pri la kunveno de Gyula?

—Senhezite, tre bona. Krom mi, prelegis ankaŭ du aliaj eksterlandanoj: Prof. Enrico Mingo, italo, pri Leonardo de Vinci, kaj d-ro Rolf Deke, orientgermano, pri la muzeo Zwinger en Dresdeno. La ceteraj prelegantoj estis hungaroj, kiuj parolis pri diversaj aspektoj de sia lando. Mi menciu ilin: prof. Imre Kádár, prof. Daniel Muszko, d-ro Laszlo Batizi kaj s-ro Laszlo Maácz. Mi devas aparte mencii la prelegon de d-ro István Szerdahelyi pri la temo *Lingvisto pri Esperanto,* tre interesa, kvankam pri kelkaj liaj asertoj mi ne opinias same kiel li. Poste, ĉirkaŭ tablo provizita per botelo da bonega hungara vino, ni amike diskutis pri niaj diversaj konceptoj rilate al la struktura bazo de Esperanto, kaj fine interkonsentis... ke la vino grandioze lasis sin gluti.

—Kiom da homoj ĉeestis la renkontiĝon de Gyula?

—Proksimume tricent, inter ili hungaroj, poloj, ĉeĥoj, rusoj, bulgaroj, jugoslavoj, germanoj... kaj mi, kiel sola hispanlingvano. Do, eĉ se mi volus, mi ne estus povinta krokodili!

—Kion ili faris, krom aŭskulti prelegojn?

—Gyula estas belega ĝarden-urbo kun vastaj neĝo-basenoj bone ekipitaj.

Ekskursoj, banoj, sunumado, dancoj, koncertoj... plenigis la tempon de la partoprenantoj. Sed mi plej ĝuis la vere internacian kamaradecon, la *esperantisman miraklon*, kiu prezentiĝas, ĉiufoje kiam grupo de diverslandaj esperantistoj lingve spertaj babilas en amika rondo kiel anoj de unu sola kaj vera homa familio. Ĉi-rilate mi memoras kun plezuro la festeton, kiun aranĝis la Esperanta societo de la urbo Békéscsaba —najbara al Gyula— kaj kie, en frata kaj neforgesebla etoso, kunvivis dum kelkaj horoj hungaroj, poloj, ĉeĥoj, germanoj, kun la italo Mingo kaj mi kiel solaj reprezentantoj de la latina mondo.

—Kio speciale altiris vian atenton?

—Pekante kontraŭ la gramatiko, mi dirus, ne "kio", sed "kioj", ĉar multaj aferoj meritas mencion kaj eĉ studon. Unue mi diru, ke mi sentis envion antaŭ la prestiĝo, kiun Esperanto ĝuas en Hungario, kies intelektuloj senrezerve akceptas nian lingvon kiel gravan faktoron socian. Due mi admiris la altan nivelon lingvan de la pliparto de la esperantistoj de tiuj orientaj landoj. La sekreto kuŝas en tio, ke ili studas la lingvon *metode, serioze* kaj *persiste*. Mi menciu ankaŭ ĉi-rilate, ke, inter la poloj, ĉeestis la renkontiĝon grupo de proksimume tridek geknaboj 17-19-jaraj, kaj ke, ĉiun posttagmezon, ili studis kaj praktikis en la vestiblo de la hotelo kun sia instruistino, f-ino Krystyna Grzebowska, kies flua kaj senriproĉa lingvo ĉarmis almenaŭ tiel multe kiel ŝia simpatio. Trie tiris mian atenton la fakto, ke tiel ĉiuflanka interesa renkontiĝo, kia estas la Somera Esperanto-Universitato de Gyula, ne ricevas la viziton de okcidentuloj. Kaj ĝi estas absolute vizitinda kaj ne multekosta.

—Ĉu vi do trovis nenion kritikindan?

—Nu, bone: iuj el la prelegoj ŝajnis al mi iom plataj kaj senvivaj. Sed eble mi parolas de subjektiva star-punkto, laŭ la "logiko" de mia persona temperamento. Entute la semajno de Gyula estis ege pozitiva sperto.

—Ĉu vi deziras diri ankoraŭ ion pri via vojaĝo, kiel finon de nia intervjuo?

—Jes: publike danki mian karan amikon hungaran, s-ano Lajos Kápitany, vera modelo de Esperantista konduto kaj helpemo, tial, ke, interalie, li aranĝis por mi kunvenon kun d-ro Kálmán Kalocsay en ties hejmo de Budapesto. La verkoj literaturaj kaj gramatikaj de Kalocsay varbis min al Esperanto, kaj mi ĉiam deziris premi lian manon kaj esprimi al li mian admiron. Mi tion fine povis fari, kaj kiel trezoran memoraĵon de mia vizito, mi kunportis donacon lian, lian libreton *Poemoj*, kiu estas kolekto de dek unu belegaj versaĵoj suverene tradukitaj de li el dek unu hungaraj poetoj, kaj eldonita, por ne komerca disvendo, en 500 numeritaj ekzempleroj, en formato... 4 × 6 cm.! Mi diru ĉi tie ankaŭ mian vorton de sincera amikeco kaj danko al hungaraj gesamideanoj, s-ino Orbán Róza, prof. Imre Kádár, s-ro Gergely Mihály, d-ro András Sugár (tre populara en la televido de lia lando) kaj d-ro István Szerdahelyi, kaj ankaŭ al miaj kunprelegantoj, la itala prof. Enrico Mingo kaj la germana d-ro Rolf Deke kaj ties simpatia edzino.

—Ĉu vi do revenos al Hungario?

—Certe. Eĉ se nur por reviziti tiel fabele ĉarmajn kaj sindonajn geamikojn.

*Inés Gastón*

---

## NOTA DE LA REDACCION

Por el exceso de trabajo que llevo con la redacción de BOLETIN, Sección Esperantista Española de Turismo, Sección Editorial, Fundación ESPERANTO, Biblioteca e información en general, he decidido, habiendo ya informado de ello a la Directiva, suspender mi colaboración en la organización de los Congresos, incluso en su parte informativa. Quede pues bien entendido que en BOLETIN se publicará toda información que se me envíe, lo mismo referente al Congreso que a la ciudad congresal, limitándome yo a publicar lo recibido; naturalmente, corrigiendo si hay algún error, lo mismo gramatical que de máquina.

Los textos deberán venir escritos a máquina y a doble espacio.

*Inés Gastón*
Red. de BOLETIN

Vicente Hernández Llusera

*La nomo de nia premiito estas tre konata en la esperantistaj medioj.*
*S-ro Hernández Llusera, estinta estrarano de Hispana Esperanto-Federacio, estas tre aktiva membro de Centro de Esperanto Sabadell. Li estas la aŭtoro de la rakonto "La Venĝo de Kimo" per kiu li gajnis la duan premion en la pasintjara Literatura Konkurso de Fundación ESPERANTO.*

# LA VENĜO DE KIMO

Tiu ferfanda uzino situis je iom longa distanco de la centro de la urbo, norde de la rivero Llobregat, en la regiono kataluna. Ĝi estis grandioza, sed pro la paso de la tempo, jam nigriĝinta konstruaĵo, impona per sia aspekto deprima kaj trista. Transpaŝinte ĝian sojlon, la vizitanton tuj invadis la sento kvazaŭ li troviĝus en obskura kaverno, ĉar tiun konstruaĵon apenaŭ lumigis la oritaj strioj de la suno penetrantaj tra la fendetoj de tiuj malgrandaj fenestroj, kiujn senindulge kaj daŭre kadukigis la kruda, ĉiam variema vetero.

Ŝajnis neeble, ke la laboristoj de tiu metalurgia centro povis tie labori kun tia manko de lumo. Tamen, ili estis tiel alkutimiĝintaj al tiu medio, ke ĉiu, kvazaŭ aŭtomate, plenumis sian taskon tute ne atentante la mizeran malhelecon, kiu regis ĉie. La kroma cirkonstanco, ke ĉiuj laboristoj aperis kun manoj kaj vizaĝo ege malpuraj kaj kun vestoj plenplenaj de graso, kune kun la evidenta manko de lumo en la ĉambregoj, tre malagrable influis ĉiun vizitanton, kiu ne estis sperta pri la ellaborado de metaloj. Ĉio ja impresis ekstreme abomene, preskaŭ terure, kvazaŭ oni tion vidus en halucina deliro.

La Direktoro kaj posedanto de tiu firmao estis sinjoro Marko Torres Soler, inĝeniero, kiu gvidis sian entreprenon kun speciala takto kaj inteligenta objektiveco, kvalitoj propraj en bone kulturita persono. Liaj ĝoja karaktero kaj humana interesiĝo por kiu ajn afliktita subulo igis lin aprezata de ĉiuj laboristoj, kiuj lin estime konsideris ne nur kiel saĝan ĉefon, sed ankaŭ kiel veran amikon kaj noblan protektanton. Li loĝis en domo, kiu komunikiĝis kun la fabriko, kaj tie feliĉe li vivis kun siaj diligenta, afabla edzino, sinjorino Roza Maria, kaj la filino, bela bonkora fraŭlineto dek ok-jara, kiu nomiĝis Marta, kiel ŝia jam mortinta avino. Tiu knabino, de kelka tempo rigardis kun simpatio bravan, ĝentilan junulon, kiu prizorgis, kiel speciala respondeculo, fakan sekcion ferfandan. Pro siaj seriozeco kaj agemo li estis tre estimata de sinjoro Torres, kaj, kompreneble, ne malpli de ties filino, kiu estis sincere enamiĝinta al li. Alberto, tiel nomiĝis la junulo, ne volis formale sin prezenti al ŝiaj gepatroj por paroli pri ilia geedziĝo, ĝis la tempo, kiam li estos plene liberiĝinta de la deviga servo kiel soldato.

Dume, ĉar ambaŭ interkonatiĝis antaŭ tri jaroj en kurso de Esperanto kaj daŭre ĉeestis kiel fidelaj samideanoj la diversajn aranĝojn, kiujn la loka esperantista klubo organizadis tiutempe, la junaj geamikoj ofte profitis ĉiun eblan okazon, eĉ la plej sensignifan momenton, por interŝanĝi iun dolĉan frazon, iun aman esprimon...

——oOo——

Kiel estro de la ferfanda fornego respondecis Joakimo, kies nomon oni simpligis per Kimo, laŭ kiu mallongigo, eĉ la Direktoro, sinjoro Marko, kutimis lin voki. Kvankam aroganta, Kimo estis tre laborema kaj kompetenta eksperto en ĉio rilata al la fandado de fero, precipe, kiam temis apliki ĝustagradan temperaturon al la likviĝanta materialo, kiun oni devis fluidigi en la respektivajn muldilojn oportune pretigitajn. Kimo agis dum la laboro kvazaŭ superhomo; ĉion li aranĝis energie, ĉiuj lin humile obeis, ĉiajn komplikaĵojn li solvis kontentige... sed bedaŭrinde tiu lia personeco ankaŭ negative distingiĝis ĉe tablo

kun karto-ludo, por kio li elspezis tempon kaj monon.

Okazis intertempe, ke la naturaj ĉarmoj de fraŭlino Marta iom post iom ravis la fieran Kimo, kiu daŭre observante la delikatajn kvalitojn, kiuj ornamis la filinon de la Direktoro, freneze enamiĝis al ŝi. Fakte, fraŭlino Marta respondecis pri grava posteno en la kontoro de la entrepreno kaj eĉ plurfoje anstataŭis sian patron en pluraj aferoj de kompromiso. Krome ŝi multe helpis sian patrinon hejme, kie dum ekstraj horoj ŝi laŭmezure kunkudris siajn vestojn kaj tiujn de la patrino... Ne estas strange do, ke Kimo konstante fiksis sian scivolan rigardon sur la personecon de Marta, al kiu li eĉ volis prezenti formalan proponon de geedziĝo. Sed li bedaŭrinde tute ne rimarkis, ke la bela knabino, de longa tempo, jam estis doninta sian koron al la bona kaj de ĉiu estimata Alberto...

Iun tagon, hazarde Kimo vidis, kun granda konsterniĝo, ĝojan tre sinceran scenon de amo inter la gejunuloj Marta kaj Alberto. La incidento tiel profunde ŝokis la aspiron de Kimo al la amo de Marta, ĝi tiel pike penetris en lian denaskan arogantecon, ke li sentis en sia interno kvazaŭ Alberto mem moke kaj senkompate frapus lian vangon. Ekde tiam Kimo rabie ĵuradis al si venĝon kontraŭ Alberto.

——oOo——

Tiutage okazis nervozaj preparoj en ĉiuj sekcioj de la uzino, tial ke post kelkaj minutoj oni devis muldi grandvaloran serion da pecoj el fero aplikotaj al la meĥanismo de rotaciaj segiloj kaj ankaŭ reprodukti aliajn specialajn maŝino-partojn plimalpli komplikajn, kiujn tre urĝe mendis grava kompanio eksterlanda. Jam dekstre de la granda fabriko-ĉambro tri spertuloj kun siaj respektivaj helpantoj atente pretigis aron da muldiloj, en kiujn oni poste devis verŝi la koncernan feron jam likvigitan. Kimo, la fakestro, ŝvitadis de kapo ĝis piedoj pro la intensa laboro de klasifiko, translokigo kaj definitiva aranĝo de la diversa materialo uzita, kiun oni zorge miksis kun la nova fero, ĵus ricevita en formo de dikaj stangoj, el la "Altaj Fornegoj" en Bilbao.

Finfine venis la decida momento, kiam la granda maso el fero ekbolis al fiksita temperaturo en grandega tiucela kaldrono, dum la iam malmola materialo videble fandiĝis kvazaŭ simpla vakso. Marko, la Direktoro, iris de unu loko al la alia, ĉiam donante instrukciojn al siaj subuloj kaj eĉ mem reviziante la tutan vicon da muldiloj kaj ceterajn akcesoraĵojn por ke ĉio estu preta, ĉar jam la maso el fero, laŭ ĵusa voko de Kimo, baldaŭ atingos sian ĝustan likviĝon. Tuj post kiam la tuta laboristaro estis konvene distribuita en adekvatajn lokojn, oni procedis retiri la likviĝintan feron por ĝin fluidigi en la preparitajn muldilojn. Ĉi tiu manovrado estis eksterordinare fantazia. Ŝajnis kvazaŭ torento da homa sango faladus meze de tiu duone obskura ĉambrego. Intertempe, la longa vico da ujoj pleniĝis unu post la alia de la likva varmega metalo, kiu iom post iom prenis la matrican formon bezonatan. Jam estis finiĝanta la tasko plenigi ujojn, kiam subite, neniu sciis kiel, granda kvanto da likva fajro resaltis sur falsan lokon kaj tuj sekve Alberto falis malantaŭen, meze de tre doloraj krioj kaj profundaj ĝemoj, kaŭzitaj de la ŝveliĝantaj brulovundoj. Rapide oni lin transportis en hospitalon, kie oni detale observis kaj adekvate medikamentis lin. La kuracistoj, kiuj lin traktis, poste diagnozis, ke la vundoj, kiujn ricevis Alberto estis ege gravaj, precipe tiuj, kiujn li suferas ĉe ambaŭ manoj, parto de la vizaĝo kaj dekstra piedo. Aldone la kuracistoj deklaris, ke ili speciale timis pri la evoluo de la vundo ĉe la tre difektita piedo, kiun vundon ili konsideris eksterordinare grava, ĝis la ekstremo, ke tre probable oni devos amputi parton de la kruro de la malbonŝanca Alberto.

La laboristoj de la uzino longe komentariis la akcidenton. Neniu komprenis kiel povis fariĝi tiu stranga, neniam okazinta averio. Eĉ la plej spertaj fakuloj en la metalurgia metio ne sukcesis ĝin pravigi, malgraŭ la plej detalaj esploroj kaj daŭraj traserĉoj. La kaŭzon de tiu bedaŭrinda akcidento neniu do povis koni. Ĝi fariĝis nepenetrebla mistero... Tamen estis iu, kiu bone sciis ĉion pri la afero; kiu komplete povus klarigi la kialon de la akcidento; kiu devus publike informi pri tiu malfeliĉa damaĝo... Sed tiu fiulo nenion diros kaj la afero restos en plej profundan misteron por la tuta eterneco...

——oOo——

Dume la juna Alberto restis plu en la lito. Liaj vundoj, ĉefe tiu, kiun li suferis ĉe la dekstra piedo, alarme malboniĝis kaj eĉ riskis gangrenon. Laŭsajne

la kuracistoj de la hospitalo asertis, ke nur lia denaska korp-forteco povus savi la piedon. Alberto eltenis kun rezignacio kaj rimarkinda kuraĝo la turmentadon de la vundoj, kion daŭre konstatis la grandnombra amikaro, kiu ĉiutage lin vizitis kaj animis. Unu el tiuj vizitantoj, lia bonkora amiko kaj samideano, Doktoro Mario Solano Serrate, Prezidanto de la loka societo "Stelo de Paco kaj Amo", tre interesiĝis pri la stato de la malsanulo, tiel ke, estante mem privata kuracisto kaj krome ĉefa komitatano de "Helpa Servo", filantropia sekcio de la iama "Hispana Esperanto-Konfederacio", urĝe planis ambician projekton de helpo por Alberto. Doktoro Solano ne bezonis trumpeti multe por atingi la ĝustan monon por la tutaj elspezoj. Pruviĝis tiel, unu plian fojon, ke la esperantistaj koroj konstante batas influate de la nobla, humana spirito, kiun Doktoro Zamenhof donis al la Lingvo Internacia Esperanto, spirito konsistanta el internacia solidareco de reciproka interhelpo, nome la esperantista "Interna Ideo".

——oOo——

Lin atendis amaso, preskaŭ la tuta loĝantaro de la urbo. Estis tiel granda la emocio, kiun vekis la klopodoj lin venigi, ke lia alveno fariĝis la konstanta temo de ĉiuj konversacioj. Oni ne povis kredi tiutempe, ke el tiel longa distanco kaj per tiel modestaj rimedoj, unu el plej eminentaj Doktoroj el la tuta mondo, specialisto pri brulvunda kuracado, venos per aviadilo al la urbo, ekskluzive nur por kuraci simplan homon, la junan Alberto.

La aviadilo alteriĝis, kaj tuj sekve, simpatia viro kun dikaj okulvitroj kaj granda verda stelo sur la brusto, rapide descendis tra la aviadila ŝtuparo. Etoso de fido kaj espero invadis la amason, kiu spontanee aklamis la veninton, Doktoron Kazimiro Beiner —tiel nomiĝis la medicina eminentulo— kiu delikate reciprokis la salutantojn.

Nova metodo de kuracado estis aplikata al la vundoj de Alberto. Baldaŭ Doktoro Beiner sukcesis ne nur haltigi la proceson de gangreniĝo ĉe la piedo de la junulo, sed ankaŭ ĝin alkonduki al definitiva konvalesko. Liaj ceteraj vundoj resaniĝis dum kelkaj tagoj, kio kaŭzis grandan miron ĉe ĉiuj kuracistoj de la hospitalo, kiuj sincere amikiĝis kun Doktoro Beiner, de kiu ili lernis plurajn sekretojn de la kuracista kariero, kaj eĉ aŭskultis kun granda intereso kelkajn anekdotojn de lia esperantista vivo. Tio tiel pozitive influis, ke alia kurso de Esperanto baldaŭ komencis funkcii en la urbo, kurso dediĉita al la kuracistoj kaj cetera asistantaro de la hospitalo. La klasojn oni ĉeestis kun kreskanta nombro sub la gvido de la jam tute resaniĝinta Alberto, kiu laŭdire eksplikis la koncernajn lecionojn kun tre efektiva rezulto, kion cetere bone pruvis la fakto, ke baldaŭ fondiĝis en tiu bonfara institucio, kaj sub ties aŭspicioj, grava esperantista rondo, kiu dum longa periodo tre vigle aktivis, ĉefe en la kuracista medio. Tiu klubo de Esperanto estas nuntempe unu el la plej gravaj el la tuta mondo.

——oOo——

La konsciencon de Kimo —kiu fakte estis la vera aŭtoro de la krima atenco kontraŭ la vivo de Alberto— dun multe da tempo mordis la bildo de tiu lia abomeninda fiago. Li konstante cerbumis, vole-nevole, pri la sama afero, dum interne io riproĉadis lian aĉan konduton. Kio okazis en tiu de li malbenata tago, tion neniam plu li volus memori. Kion li perceptis tre klare, tamen, estis la realaĵo, ke lian koron inundis sento de sincera pento. Kimo do rekonis sian kulpon, sed ja neniel li intencos publike deklari la veron pri tiu terura akcidento okazinta al Alberto. La ekstreme rigida aroganteco, kiu ĉiam karakterizis la antipatian figuron de Kimo, neniam tion permesus. Tiun neklarigeblan sekreton li do certe kunportos en la tombejon.

Tial, lia koro saltis de ĝojo, kiam diskoniĝis la sciigo, ke finfine forlasos la hospitalon, jam komplete resaniĝinta, tiu junulo, kiun li tiel morte malamis, Alberto, al kiu nun, la pentinta Kimo, sincere deziras longan kaj feliĉan vivon, kvazaŭ per tio li liberiĝus de sia kanajla venĝo... Krome, li eĉ rigardis bonvena sian kontraŭvolan decidon definitive rezigni la amon de Marta.

——oOo——

La tre rapida resaniĝo de Alberto kaŭzis, kiel dirite, grandan miron, ne nur ĉe la kuracistoj de tiu hospitalo, sed ankaŭ en la tuta Hispanujo. Ne estis do strange, ke antaŭ ol reiri al sia lando, Doktoro Kazimiro Beiner devis plurfoje respondi al intervjuoj por la gazetaro, kaj eĉ mem prelegi en

grava Institucio en Barcelono. Kompreneble, lia kolego Doktoro Mario Solano Serrate, ĉiam devis interpreti el Esperanto aŭ el la hispana —kion cetere li faris tre volonte— ĉar ja, krom en la Internacia Lingvo, D-ro Beiner sin povis esprimi sole en la pola kaj rusa lingvoj, kaj nur iomete en la germana.

——oOo——

Alberto, jam plene kuracita, okupis sian normalan lokon en la uzino kaj daŭrigis la laboron kun duobla entuziasmo, des pli, ĉar li ricevis dum sia resaniĝo evidentajn pruvojn de la vera amo, kiun Marta sentis por li. Dum lia enlitiĝo ŝi ja tre vigle multiplikiĝis ĉu helpante en la hospitalo en kiu ajn laboro necesa, ĉu eĉ mem tradukante en Esperanton la demandojn, kiujn faradis la kuracistoj al Doktoro Beiner.

——oOo——

La gepatroj de Marta, kiuj ĉiam rigardis kun simpatio la junan Alberto, volonte konsentis ilian geedziĝon, tuj post kiam tiu liberiĝis de sia deviga soldat-servo.

Pro speciala deziro de la feliĉa paro, la dato de geedziĝo koincidis kun tiuj de Hispana Kongreso de Esperanto okazinta tiam en la Baleara urbo Palma de Majorko.

Kiel ĉefaj atestantoj ĉeestis la nuptajn ceremoniojn, kiujn oni oficis tute en la Internacia Lingvo, gesinjoroj Beiner, tiucele venintaj el malproksima Pollando.

## *48.ª KONGRESO DE S. A. T.*

La Gazetara Servo de S.A.T. sendis al ni por publikigo jenan komunikon:

GVIDREZOLUCIO

La 48.ª Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda okazinta en Hago, Nederlando, de la 26.ª de julio ĝis la 2.ª de aŭgusto 1975, kiu kunigis 300 partoprenantojn el 19 landoj, post diskuto kaj aprobo de la Raportoj

— konstatas, ke multaj el la membroj klopodis akiri influon ĉe diversaj laborist-tendencaj organizoj, speciale sindikataj;

— petas, ke la Plenum-Komitato kaj la Laboristaj Esperantaj Asocioj ellaboru agad-planojn, kiuj ebligos pli intensan kaj pli efikan laboron;

— ĝojas ke la multjara milito en Hindoĉinio finiĝis kaj en tiu konekto vokas la loĝantaron en la tuta mondo kontraŭstari la daŭran pacminacantan armadon;

— sendas mesaĝon al la registaraj reprezentantoj de la Konferenco de Sekureco kaj kunlaboro en Eŭropo, en Helsinki;

— registras la pozitivajn paŝojn por akceptigi Esperanton ĉe la Socialista Internacio;

— fidas, ke la membraro, malgraŭ la malfacila ekonomia situacio en la tuta mondo, ankaŭ estonte morale kaj finance subtenos la asocion.

## RESOLUCIONES DEL XXXV CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

I. Insistir cerca del Ministerio de Educación y Ciencia sobre las resoluciones aprobadas en el XXXIV Congreso Español de Esperanto.

II. Enviar telegramas de saludo con ocasión del XXXV Congreso Español de Esperanto a Su Excelencia el Jefe del Estado y a Su Alteza el Príncipe de España.

# 60a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

El la Kongresa Gazetara Servo

Kiel anoncite, la 60.a Universala Kongreso de Esperanto okazis de la 26.a julio ĝis la 2.a de aŭgusto 1975 en Kopenhago.

Dimanĉon la 27-an okazis la Malfermo de la Kongreso, pro la troa longiĝo de la Solena Inaŭguro, ĉijare, oni decidis disduigi la inaŭguran solenaĵon. Matene je la 10.a okazis la Solena Inaŭguro de la Kongreso en la salono Zamenhof de la Kongresejo Falkoner Centret.

Dum ĝi, unuavice, la Prezidanto de UEA, Dro. Tonkin bonvenigis la kongresanojn, sekvis la oficialaj paroladetoj de la ĉeestantaj aŭtoritatoj kaj de la Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato.

Post muzika paŭzo fare de Danielle Béguin, de Svislando, S-ino F. Szabó-Felsö prononcis la paroladon pri la kongresa ĉeftemo, kaj tuj sekve salutis la Kongreson la reprezentantoj de diversaj ŝtatoj.

Post la salutoj de du geanetoj de la Infana Kongreseto kaj la sekva defilado de 28 infanoj el 8 landoj, Dro. Tonkin fermis la Solenan Inaŭguron.

Posttagmeze, okazis la Malfermo de la Kongreso, sub prezido de Dro. Bormann. Post liaj enkondukaj vortoj, Dro. Sadler prezentis la reprezentantojn de la Landaj Asocioj, kiuj salutis la Kongreson. Nome de Hispana Esperanto-Federacio salutis ĝia sekretario Sro. González Aboín.

Sekvis la malferma parolado de Dro. Tonkin, prezidanto de UEA, kaj, per komuna kantado de la Himno, la Malfermo estis finita.

Dum la sekvantaj tagoj okazis kunvenoj de la komitato, ĝenerala kunveno de UEA, kaj la kutimaj kunvenoj de la fakaj asocioj.

Laŭlonge de la semajno disvolviĝis la Internacia Somera Universitato. Prelegis Dro. Paul Neergaard, Dro. W. Bormann, Sro. Bodijar Leonov, Dro. H. R. Tonkin, Sro. Michel Duc Goninaz, Sro. Viorel Paltineanu, Bruce kaj Judy Sherwood, Prof. Støp-Bowitz kaj Sro. T. Kuwwahara.

En la kadro de artaj kaj kulturaj aranĝoj okazis Belartaj Konkursoj, Dana Vespero, Internacia Arta Vespero, Teatra Vespero kaj Pupteatra prezentado.

Kiel kutime, dimanĉon posttagmeze okazis Diservoj. Kaj kiel en ĉiuj kongresoj okazis festaj aranĝoj. Interkona Vespero, Bankedo, Balo, Ekskursoj, Junulara Vespero...

Kaj oni alvenis al la Fermo de la Kongreso. "La Espero" signis la finon de la 60.a Universala Kongreso de Esperanto, post la tradicia transdono de la kongresa flago al reprezentanto de la atena LKK.

## KONGRESAJ REZOLUCIOJ

«La komitato de UEA en siaj kunsidoj en Kopenhago dum la 60.a Universala Kongreso de Esperanto de la 26.a de julio ĝis la 2.a de aŭgusto 1975

k o n s t a t i s

ke lastatempe aperis en pluraj naciaj ĵurnaloj artikoloj, en kiuj oni kontestas la politikan neŭtralecon de Universala Esperanto-Asocio,

d e k l a r a s

ke al tiuj diskonigoj kaj gravaj akuzoj mankas ĉia bazo de vero kaj ke ne ekzistas unu sola pruvo, kiu pravigus tiajn misprezentojn, ke la politika neŭtraleco de UEA, kiel ĝi estas priskribita en la artikoloj 4 kaj 13 de ĝia statuto, ĉiam estis kaj ĉiam restos la fundamenta gvidprincipo de ĝia tutmonda agado kaj daŭre konsistigas la neŝanceleblan bazon de ĝia ekzistado, ke la Asocio estas preta kunlabori kun ĉiuj fortoj strebantaj al unueca komuna celo,

r e k o m e n d a s

ke la estraro kaj la redaktoro de Revuo Esperanto evitu diskutojn pri la longe diskutitaj faktoj pri la personecoj de nunaj aŭ antaŭaj gvidantoj de la Movado,

p e t a s

ke tiu ĉi deklaro estu vastskale diskonigata per ĉiuj taŭgaj rimedoj de informado.»

«La 60.ª Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazas en Kopenhago de 26 julio ĝis 2 aŭgusto 1975, diskutinte la socian pozicion de la virino sub la ĝenerala temo "La Virino"
*notas* kun aprobo la agadon de Unuiĝintaj Nacioj kaj ties specialigitaj organizaĵoj por plifortigi la rajton kaj pozicion de la virino,
*konstatas* ke malhelpoj al egalrajteco en la diversaj landoj estas ofte sociaj kaj kulturaj, do ne nur juraj malhelpoj,
*alvokas* al ĉiuj partoj de la Esperanto-movado studi tiun ĉi problemon kaj entrepreni paŝojn por akceli la atingon de egalrajteco jura, socia kaj kultura, kaj antaŭenigi la rolon de la virino en la gvidado de la Esperanto-movado,
kaj *atentigas* pri la avantaĵoj de la Internacia Lingvo Esperanto kiel perilo de konstrua diskutado pri tiu kaj alia sociaj kaj kulturaj demandoj.»

---

«La 60.ª Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazas en Kopenhago de 26 julio ĝis 2 aŭgusto 1975, diskutis la temon "La rolo de la individuo en la Esperanto-movado", kaj faris la jenajn konstatojn.

*1.* La estontaj prospero kaj sukceso de la Esperanto-movado grandparte dependas de ĝia efika utiligo de volontulaj fortoj.

*2.* Efika planado de estontaj aktivecoj postulas partoprenon de kiel eble plej vasta parto de la Esperanto-publiko, kiu libere kontribuu siajn ideojn kaj per tio ankaŭ sentu respondecon pri decidoj faritaj.

*3.* Efika interna regado de la diversaj Esperanto-organizoj postulas kiel eble plej demokratajn organojn kaj kiel eble plej bonan utiligon de la homaj talentoj.

*4.* Ofte malhelpas efikan partoprenon en la Esperanto-movado la geografia izoliteco kaj la ekzisto de organizaj strukturoj ne plene respondaj al la bezonoj de la unuopaj membroj.
Sekve la kongreso prezentas la jenajn rekomendojn.

*1.* La diversaj Esperanto-organizaĵoj faru ĉion eblan por certigi maksimuman aktivan partoprenon de la ordinara membraro en la planado kaj agado de tiuj organizaĵoj.

*2.* La diversaj Esperanto-organizaĵoj ekzamenu siajn strukturojn por certigi kiel eble plej demokratan funkciadon.

*3.* Esperanto-kongresoj kaj konferencoj celu aktive partoprenigi la ĉeestantojn kaj efektive liveri al ili forumojn por iliaj ideoj.
*4.* La unuopaj membroj trovu vojojn por proponi siajn servojn al la Esperanto-movado kiel volontuloj, ekzemple per la Volontula Servo de UEA.

---

## XXXI ª INTERNACIA JUNULARA KONGRESO

De la 19.ª ĝis la 26.ª de julio, en norda Eŭropo, meze de Danlando, Fredericia estis la urbo kiu ĉi-jare gastigis la 31-an Internacian Junularan Kongreson.

El la tuta mondo, 250 gejunuloj tie renkontiĝis por pritrakti en pluraj laborgrupoj la ĝeneralan temon "Kultura Interŝanĝo".

Kaj vere estis, ke la interŝanĝo efektiviĝis, ĉefe danke al amasa partopreno en la laborgrupoj pri "kantoj" kaj pri "Popoldancoj skandinavaj". Tio ĉi, krome, kreis amuzan etoson kiu plue kontribuis al la sukceso de la aranĝo. Plie, laborgrupo pri Japanujo kaj prelegoj pri Hindujo vidigis al alilandanoj la ĉefajn ecojn de la koncernaj landoj.

Iom malpli distraj, sed vere interesaj temoj, allogis malpli da kongresanoj. Temis pri laborgrupoj kies temoj estis: "Mortopuno", "Interŝanĝo por difini integrantan modelon de la nuntempaj kulturoj", "Socia organizado kaj kulturinterŝanĝo", "Studrondo pri edukadaj sistemoj en diversaj landoj", "Kultura interŝanĝo inter evoluintaj landoj kaj landoj en evoluo", "Laborgrupo por komencantoj", "Seminarieto por gvidantoj", "Diskuto pri la nova Statuto de TEJO", kaj "La dan-germana minoritatproblemo-ĉu modelo por Eŭropo?". Pliaj prelegoj temis pri: "Principa analizo de la lingvopolitika situacio en la mondo"

kaj "La fenomeno de la Esperanto-kulturo". Paralele al la kongreso okazis KER-seminario pri "Lingvo kaj malkoloniigo". Al ĉio ĉi ni povas aldoni la komitatkunsidojn de TEJO, por ke oni vidu ke la junaj geesperantistoj kongresas por iom pli ol turismi: dialogi, cerbumi, kaj lerni.

Nedubeble, ne nur laboro plenigis la programon; ĝi inkluzivis ankaŭ promenadon tra Fredericia, spektaklon pri danaj popoldancoj kaj gimnastiko, kongresan balon, vesperon de malmulte konataj kulturoj kaj ekskurson al Insulo Fueno. Iom mi parolu pri tiuj du lastaj. La vespero de malmulte konataj kulturoj estis iaspeca kompendio de la kongresa temo, en kiu homoj el ĉiuj landoj montris al la aliaj ĉefajn folklorajn trajtojn de siaj naciaj kulturoj, post sukcesa vespermanĝo en kiu japanaj, jugoslavaj, italaj kaj hispanaj pladoj estis gustumitaj. La ekskurso al la Insulo Fueno, post vizito al bierfarejo, portis nin al Odense, naskiĝurbo de H. C. Andersen, unu el la plej malnovaj urboj de Skandinavujo, kaj Egeskov kie ni vidis la plej bone konservitan renesancan "akvo"-palacon el Eŭropo, kaj la veteran-muzeon.

Pri la loĝkondiĉoj, ne tro allogaj estis la klasĉambroj kie la kongresanaro surmatrace dormis. Cetere, nia laceco ebligis tion, ke ni sur tiuj kvazaŭstonaj matracoj dormis. La manĝaĵo, laŭ danaj kvanto kaj kvalito, ne sufiĉe satigis hispanajn stomakon kaj palaton. La nombro de hispanaj partoprenantoj estis proksimume 15.

Resume, pozitivan bilancon ni prenis el tiu kongreso, kiu, kun kelkaj plibonigoj, povus esti modelo por estontaj IJK-oj.

La venontjara kongreso okazos en la greka urbo Tesaloniki. Laŭ loĝkondiĉoj, ĝi vidiĝas ege kontentiga, ĉar loĝejo estos studenta domo kun 1200 modernaj individuaj ĉambroj. Pri manĝoj laŭ greka stilo ni povas pli bone opinii; cetere, aliĝkotizo estos simila al la ĉi-jara.

Do, sukceson al la 32.a Internacia Junulara Kongreso!

*Miguel Angel Altuna*

---

## LA PREZIDANTO DE H. E. F. EN USONO



Dum familia vojaĝo al Usono, nia prezidanto Sro. Figuerola Auque kontaktis kun esperantistoj el Santa Mónica, Santa Bárbara kaj San Diego; ĉie liaj rilatoj kun la esperantistoj disvolviĝis en tre amikeca etoso. Plurajn anekdotojn havas Sro. Figuerola por rakonti. Jen unu: En San Diego, la filo de nia Prezidanto devis klarigi en la hotelo pri kio temis tiel multnombra kunveno; ŝajne por la hotelestro ĝi estis ne tre, sed tro multnombra.

Geesperantistoj de San Diego pozas kun gesinjoroj Figuerola por BOLETIN.

# 1ª INTERNACIA KONFERENCO DE LA NEŬTRALA ESPERANTO-MOVADO

Inter la 10.ª kaj 16.ª de Aŭgusto 1975 en la Filozofia Fakultato de la Universitato de Sarlando en Saarbrücken (FRG) disvolviĝis sub la Honora Protektado de la Prezidanto de la Universitato la 1.ª Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado. La Konferencon, kies Honoran Komitaton eniris ok personecoj de la publika vivo de Sarlando, malfermis reprezentanto de la universitata prezidanto dezirante al la konferencanoj sukceson kaj al la Esperanto-movado venkon de la krizo ekestinta per la politikiĝo de UEA.

Radio, televido kaj gazetaro dediĉis al la konferenco pli da atento ol al aliaj aranĝoj okazintaj en la universitato. Tio ŝuldiĝas al la fakto, ke la informadon transprenis la gazetara instanco de la universitato. Ekspozicio en la universitata biblioteko kaj akcepto en la urba domo de Saarbrücken kontribuis al diskonigo de Esperanto ĉe la sarlanda publiko.

La konferenca programo dividiĝis en tri partojn:

1) La prelega programo studis en prelegoj de Ivo Lapenna, Reinhard Haupenthal, Jean Thierry, André Bourdeaux, Heinz Dieter Maas, Isaj Dratwer, Helmut Sonnabend kaj Marianne Vermaas la situacion de la lingva problemo (tiun temon pritraktis ankaŭ publika podia diskuto kun profesoroj kaj politikistoj) kaj la aktualajn taskojn de la neŭtrala Esperanto-movado.

2) Diskut- kaj laborgrupoj studis la eldonon de nova revuo "Horizonto", la kreon de agad-grupoj de la neŭtrala movado kaj la organizon de la 2.ª konferenco. Ĝi ellaboris ankaŭ la "Deklaron de Principoj".

3) Ekskursa programo konatigis la konferencanojn kun Saarbrücken, kun mineja muzeo kaj la plej grandaj sabloŝtonaj kavernoj de Eŭropo. Krome tuttaga ekskurso kondukis al Trier.

La Konferenco signas komencon de nova agado por Esperanto de kiam UEA perdis sian neŭtralecon kaj komencis sian propran malkonstruon. Dank' al ĝiaj iniciatoj —kreo de organo, de agad-grupoj kaj decido aranĝi la 2-an Konferencon en 1976 en Francujo— la neŭtralaj esperantistoj povos reakiri terenon.

*Reinhard Haupenthal*
Sekretario de la konferenco

## DEKLARO DE PRINCIPOJ

La 1.ª Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado, kunveninta en Saarbrüken de la 10a ĝis la 16a de Aŭgusto 1975,
*REEKZAMENINTE* en prelegoj kaj diskutoj la lingvan problemon en la nuna mondo kaj la pozicion de la lingvo Esperanto,
kaj konstatinte, ke la nuna gvidantaro de UEA ne plu agas laŭ la konceptaro, kiu ĝis la Hamburga politika puĉo ebligis disvastigi la lingvon,
*DECIDAS* memorigi al la esperantistaro jenajn principojn:

1) El ĉiuj projektoj de komuna lingvo nur Esperanto transformiĝis en vivantan lingvon de vivantan komunaĵo. Tiu komunaĵo havas la moralan devon konservi ekster ĉiu ajn alia ideologio la neŭtrale homan kulturan karakteron de la Zamenhofa Esperanto kaj de la humaneca internaciismo esence ligita al ĝi.

2) Tiucele fariĝis nepre necesa la estiĝo de internacia agad-grupo politike neŭtrala por plue disvastigi la lingvon kaj progresigi la movadon:
   a) per aktivado surbaze de lokaj agad-grupoj, en kiuj la scipovo de Esperanto estas la fundamento de ĉiu ajn progreso;

b) per instruado de Esperanto en formo de kursoj parolaj, lernejaj kaj grupaj, perradiaj kaj perkorespondaj, kaj ankaŭ per plivastigo de memlernaj metodoj;

c) per ekstera aktivado por prezenti kaj defendi la lingvon, apogante sin sur la Principaro de Frostavallen kaj sur la dokumenta materialo de la ĝishamburga CED, enkondukante ankaŭ la nocion de "publikaj rilatoj" por konstante flegi la prestiĝan bildon de la Lingvo Internacia, de ĝiaj kulturo kaj komunaĵo, kaj instigi al lernado.

3) La internacia agad-grupo utiligos la rimedojn de komunikado interne de la Esperanto-Movado, interalie kaj precipe la novan periodaĵon "Horizonto", por diskonigi ĉi tiun deklaron de principoj kaj instigi al formiĝo de agadgrupoj kaj al aktivado laŭ tiuj ĉi principoj sur landa, regiona kaj loka niveloj.

*ALVOKAS* la esperantistaron —pro la nuna totaleca cenzurado de la vero en la organoj de UEA kaj en pluraj aliaj satelitaj periodaĵoj— profunde orientiĝi pri la veraj kaŭzoj de la nuna politikigo de la asocio.

Tiu politikigo ja klare pruviĝas el la kontroleblaj faktoj prezentitaj en la dokumento "Hamburgo en Retrospektivo". Eldonita de Sarlanda Esperanto-Ligo kaj sendube havebla ĉe la libroservoj.

*ALVOKAS* plie —pro la nuna malkonstruado en UEA— aktivi kaj en novaj agad-grupoj kaj en la ekzistantaj Esperanto-organizaĵoj konforme al tiuj principoj.

*PROTESTAS* kontraŭ la malveraj asertoj esprimitaj en la artikolo "Danĝera ludo en Sarlando" ("Esperanto", 7-8/1975) pri la celoj kaj karaktero de la 1.ª Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado. La neceson de tiu ĉi Konferenco kaŭzis la kontraŭstatutaj manovroj, kiuj kulminis en Hamburgo.

*KOMISIAS* la francan agad-grupon organizi en 1976 la 2-an Internacian Konferencon de la Neŭtrala Esperanto-Movado.
En la nomo de la partoprenantoj de la Konferenco:
Jean Thierry, prezidanto; Isaj Dratwer, vicprezidanto; Heinz Dieter Maas, vicprezidanto; Peter Zacho, vicprezidanto; Reinhard Haupenthal, sekretario.

---

**ESPERANTO EN LA PRAKTIKO**

## UNU PLIAN PAŜON

Ĉifoje, estas de Gijón de kie alvenis la ĝojiga sciigo:

Laŭ decido de la Magistrato de tiu grava urbo, la flago de Esperanto flirtas en la astura aero kune kun la pli ol 200 flagoj, kiuj ornamas la belan promenejon (pli ol dukilometra) kiu ĉirkaŭas la nekompareblan strandon.

Kiam en Lérida dum la solena inaŭguro de la Kongreso de Esperanto, Sro. Mulas salutinte la Kongreson emocie legis la ĵus alvenintan telegramon, per kiu li estis informita pri la evento, mia penso, same kiel la penso de pluraj samideanoj iris al tiuj pioniroj, kiuj senlace laboris, sed kiuj nun povas konstati ke liaj posteuloj, junaj homoj, inde kaj efike daŭrigas la de ili komencitan laboron, ĝis atingo de la celo. Mia penso ankaŭ iris al niaj forpasintaj samideanoj, Sro. Cándido Cienfuegos kaj Dro. Alfredo Villa y Villa, veraj kavaliroj de humaneca internaciismo, kiuj de sia junaĝo sin dediĉis disvastigi Esperanton tra sia regiono, kaj por kiuj ĉi tiu grava atingo de iliaj samurbaj samideanoj estus plej granda ĝojo.

Gratulon kaj dankon por la esperantistoj de Gijón!

En la monato oktobro la esperantistoj de Gijón malfermos Esperanto-Kurson en la kadro de la kultura societo "Ateneo Jovellanos" sub la aŭspicoj de la Magistrato.

# *MEMORIA-RESUMEN DE LA LABOR REALIZADA POR LA FUNDACION "ESPERANTO" Y DEL ESTADO DE FONDOS DE LA MISMA*

Durante el año 1974 ningún cambio se produjo en el seno del Patronato de la Fundación "ESPERANTO", por lo tanto pudo realizarse la labor tal como estaba programada.

## LABOR REALIZADA

Como en años anteriores, la labor realizada por la Fundación "ESPERANTO" se ha centrado en la celebración de concursos. En 1974 han sido dos los concursos celebrados, uno para premiar la labor de enseñanza y divulgación de la Lengua Internacional y el otro ha sido un Concurso Literario, al que podían concurrir todos los miembros de la Federación Española de Esperanto, tanto españoles como extranjeros. El tema del Concurso Literario fue un cuento original. Ambos concursos se anunciaron oportunamente en el Boletín de la Federación Española de Esperanto.

En el concurso para premiar la labor de enseñanza y divulgación del Esperanto, recibió el

Premio "Casanovas-Ferrándiz", D. José M.ª Claramunt, Sch. P.,

según propuesta del Grupo Esperantista de Villanueva y Geltrú (Barcelona).

El premio estuvo dotado con 5.000 pesetas, más diploma acreditativo y medalla conmemorativa.

En el Concurso Literario fueron premiados los siguientes señores:

1.er Premio "Fundación Esperanto", Vilmos Benczik, de Budapest (Hungría)

2.º Premio "Fundación Esperanto", Vicente H. Llusera, de Sabadell (España)

Los premios estuvieron dotados: el 1.º con 5.000 pesetas, más diploma acreditativo, y el 2.º con 3.000 pesetas, más diploma acreditativo.
El Premio "Francisco Máñez" quedó desierto.

## ESTADO DE FONDOS

Durante el año 1974, el capital de la Fundación ha aumentado en 15 acciones de la Compañía Telefónica Nacional de España, recibidas por pequeñas donaciones. Más 30 bonos del Banco Ind. de Bilbao por donación de D. Miguel Sancho Izquierdo.

El legado dejado en testamento por D.ª Elisa Ferrándiz, Vda. de Casanovas, continúa sin haberse hecho efectivo, por no haber vendido todavía los herederos la finca que responde al mismo.

En Caja tiene la Fundación 3.969 pesetas, correspondientes al 5 % del saldo activo de la cuenta general de la Federación Española de Esperanto, año 1969, y de la cuenta del Servicio de Libros, años 1970 y 1971.

Zaragoza, a 31 de diciembre de 1974.

Firmado: *Inés Gastón*
Secretaria de la Fundación ESPERANTO

——oOo——

Tres nuevos donativos hay que sumar a los ya recibidos para la Fundación durante el año 1975, estos son los siguientes: Pedro Nuez, de Barcelona, 3.000 pesetas; J. L. Morales, de Bilbao, 300 pesetas; Miguel Sender, de Barcelona, 5.000 pesetas. Total: 12.500 pesetas.

# FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

SECRETARIA CENTRAL

## FONDO PARA LA ADQUISICION EN PROPIEDAD (F. A. L. P.)

Como ofrecimos en Lérida, en el informe de Tesorería a la Junta general de nuestra Federación, deseamos detallar al pie de esta comunicación el estado actual de la deuda federativa referente a la adquisición del local de la Secretaría Central de H.E.F., de la calle de Rodríguez San Pedro, 13, de Madrid.

Gracias a la comprensión y generosidad de nuestros federados, con los donativos que hemos recibido, se han podido ir pagando los plazos convenidos para la adquisición en propiedad del referido local-oficina.

Desde estas líneas agradecemos a todos por sus aportaciones y ayuda moral, y esperamos que continuarán apoyándonos con sus donativos con más entusiasmo aún si cabe, ante la proximidad de la terminación de nuestras obligaciones. Cualquier cantidad por pequeña que sea será muy bien recibida. Es más, nuestro mayor deseo sería recibir muchas aportaciones mínimas de 500 pesetas para terminar de pagar las cantidades que aún nos faltan por abonar. De esta forma tendríamos la satisfacción de saber que el local adquirido era obra de todos los socios.

ESTADO, AL 30 DE JULIO DE 1975, DE LOS INGRESOS Y PAGOS REALIZADOS

*Ingresos:*

| | | |
|---|---|---|
| Subvención del Ministerio de Educación Nacional para este fin. | | 98.000,— |
| Donativos recibidos hasta el día 30 de julio de 1975 ... ... ... ... | | 440.842,— |
| Intereses del Banco de Santander ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | | 587,— |
| Préstamo de la Federación ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | | 15.000,— |
| *Total ingresado* ... ... ... ... ... | | 554.429,— |

*Pagos:*

| | | |
|---|---|---|
| Entrega inicial (en noviembre de 1971) ... ... ... ... | 100.000,— | |
| Timbre de las letras aceptadas (61) ... ... ... ... ... | 4.480,— | |
| Letra del 1 de mayo de 1973 ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 35.000,— | |
| 44 letras mensuales de 7.750 ptas. ... ... ... ... ... ... | 342.100,— | |
| Pagado a la Caja de Ahorros de Madrid ... ... ... ... | 55.106,82 | |
| | 536.686,82 | |
| En el Banco de Santander para el pago de Letras del 1 de agosto y 1 de septiembre de 1975, de 7.750 ptas. cada una ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 15.550,— | 552.236,82 |
| *Saldo* ... ... ... ... ... ... ... ... | | 2.192,18 |

*Cantidades pendientes de pago:*

| | |
|---|---|
| 14 letras de 7.750 ptas. (1 de octubre de 1975 a 1 de noviembre de 1976, ambas inclusive) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 108.850,— |
| Devolución a la Federación de la cantidad prestada ... ... ... ... | 15.000,— |
| A la Caja de Ahorros, a pagar en seis años ... ... ... ... ... ... ... | 64.362,72 |
| *Total* ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 188.212,72 |

*Gerardo Flores*
Tesorero de H.E.F.

# TURISMA VOJAĜO TRA ITALUJO ORGANIZITA DE H.T.E.S.

Ĉijare, la Hispana Turisma Esperanta Sekcio organizis turisman vojaĝon tra Italujo koincide kun la I.K.U.E.-Kongreso okazinta en Roma.

La 8-an de aŭgusto frumatene, esperantistoj de Gijón kaj Zaragoza, per komforta aŭtopulman, forveturis de la aragona ĉefurbo. Je la 11.ª ni alvenis ĉe la haveno de Barcelona, kie atendis nin, niaj kunvojaĝontaj gesamideanoj de Barcelona kaj Urugvajo. Do, ĉijare, la kunvojaĝanta grupo estis internacia.

Solvinte la kutimajn formalaĵojn, ni enŝipiĝis en la "canguro Bruno", kiu translokigis nin ĝis Genovo. Ĉar en tiu urbo ni intencis halti revene, tuj post elŝipigo de l' aŭtopulman, ni daŭrigis nian vojaĝon ĝis Pisa, fama urbo pro ĝiaj monumentoj; en la placo de l' Duomo kuniĝas la plej alta kaj fama elmontro de la romanika arkitekturo pisana; sur la smeralda verdo de la ĉirkaŭanta herbejo elstaras la tri monumentoj, kiuj ĝin faris senmorta: la Katedralo, la Baptisterio, impona kaj majesta, kaj la fama turo, kiu famigis la urbon, ĉar ĝi estas la nura, kiu prezentas mirigan kliniĝon.

Fininte la viziton tra la urbo, ni tagmanĝis en centra restoracio kaj post ioma ripozado ni daŭrigis nian veturadon ĝis Florenco, kien ni alvenis vespere. Post la vespermanĝo kaj loĝigo en hotelo "Nord Florence", ni trakuris la urbon en nokta vizito, ni deziris iom interkonatiĝi kun la urbo por pli bone profiti la tempon dum la sekvantaj tagoj.

La 10-an matene ni vizitis la centran parton de la urbo kaj ties artaĵojn: Santa María Novella, la placo de l' Duomo... La beleco de la katedralo ne estas facile priskribebla, ĝia Baptisterio... Se la placo de l' Duomo estis la plej grava religia centro de la antikva Florenco, la placo de la "Signoria" estis la centro de la politika vivo de la urbo, en ĝi ĉiujare oni revivigas scenojn de la mezepoko. Inter la pluraj pontoj sur la rivero Arno, elstaras la pitoreska "Vecchio" per siaj domoj super la rivero. La palaco de familio Medici, centro de la itala kulturo kaj la grandioza konstruaĵo de Pittis, elmontras la antagonismon inter tiuj du familioj.



Niaj gesamideanoj admiras la pitoreskan ponton «Vecchio» en Florenco.



Parto de niaj kunvojaĝantaj samideanoj antaŭ la Baziliko Sankta Petro en Roma. Maldekstre Sro Zeballos el Urugvajo.

Plimulte ni povus paroli pri Florenco, ĉar multajn pliajn interesajn lokojn ni vizitis, sed same kiel la tempo programita por viziti tiun belan urbon, (ĝis lunde posttagmeze) estis tro mallonga, ankaŭ la spaco por raporti pri ĝi, ne permesas al mi esti pli eksplicita en mia raporto.

La 11-an vespere ni alvenis al Roma, kie ni loĝis en hotelo "Pacific", sufiĉe proksime al Vatikano. Post la vespermanĝo, ni rondiris la ĉirkaŭaĵojn de la hotelo ĝis alveni al Vatikano. Forte impresis nin, super ĉio tiujn ne antaŭe vizitintajn la urbon, la nekomparebla placo de San Pedro kun la grandioza baziliko.

Kvankam la ĉijara ekskurso organizita de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio, estis pure turisma, ni ĝin organizis koincide kun la IKUE-Kongreso, sekve, kelkaj el la kunvojaĝantoj sin aliĝis al la Kongreso por tiamaniere elmontri sian solidarecon kun la esperantista evento. Do, la 12-an matene, pluraj esperantistoj el nia grupo partoprenis la Solenan Malfermon de la Kongreso. Ĝin prezidis la Prezidanto de IKUE kaj ceteraj estraranoj; akompanis ilin ĉe la prezida tablo reprezentantino de KELI.

Estas tre interesa la komuna adresaro eldonita de IKUE kaj KELI, kaj disdonita al la gekongresanoj. Ĉe la fino, same la reprezentantino de KELI, kiel F-ino Inés Gastón estis intervjuitaj de Radio Roma.

Post la malfermo de la kongreso, ni revenis en la hotelon, kie ni tagmanĝis kaj iomete ripozis. Je la 16-a, ni rondiris la urbon en aŭtobusa vizito: "San Pedro Extramuros", la Katakomboj de San Calixto, kie ni vidis kio estas subteraj preĝejo kaj tombejo; "San Juan de Letrán", bedaŭrinde tiam ni ne povis detale viziti la Bazilikon ĉar estis tro malfrue; ni estis vizitintaj la Sanktan Ŝtuparon, kie ni supreniris ĝiajn 28 ŝtupojn, kaj la kapelon dediĉitan al San Lorenzo, laŭdire, la plej sanktan lokon sur la tero.

Nokte, ni admiris la fontanon de Trevi, la plej faman fontanon el Roma, veran monumenton dediĉitan al akvo.

La 13-an matene, ni vizitis la Bazilikon de San Pedro kaj partoprenis la kuncelebratan Meson en Esperanto organizitan por la kongresanoj; ĝi estis ja emocia, kuncelebris pastroj el 20 landoj. Je la fino, ni daŭrigis nian viziton, ni povis admiri la faman verkon de Miguel Angel, "La Piedad", la kripton, kie estas entombigitaj pluraj Papoj... Fine, ni supreniris ĝis la plej alta parto de la Baziliko por admiri la placon de San Pedro kaj la imponan peizaĵon. Kelkaj pli kuraĝaj supreniris ĝis la plej alta parto de la kupolo (350 ŝtupoj).

Posttagmeze ni ĉeestis en la aŭdienco de la Papo, kie ni ricevis la benon de Paŭlo VI. Antaŭtempe ni ricevis invitilon por la Grupo de hispanaj esperantistoj. Kompreneble, ankaŭ la IKUE-Kongreso estis akceptita en sama aranĝo. Aparte oni publikigas la saluton de la Papo al la Kongreso.

Dum la sekvantaj tagoj ni daŭrigis niajn vizitojn al ĉefaj vidindaĵoj de la urbo; en "San Pedro in Vincoli", ni admiris la mondkonatan "Moisés", de Miguel Angel. La 14-an, ni finis nian tagan viziton al gravaj artaĵoj, en Via del Corso, kie la virinoj bone povis butikumi.



Esperantistinoj de Gijón kaj Zaragoza en Roma

Ĉar la 16-a estis destinita por viziti la insulon Capri, por pli bone profiti la tempon, ni decidis veturi ĝis Nápoles, nokte. Sekve, la 15-an vespere ni translokiĝis al Tivoli por viziti ĝiajn famajn ĝardenojn, sed, malgraŭ nia granda deziro ilin viziti, ni ne tion sukcesis; dum la monato aŭgusto ili estas fermitaj. Kompreneble, ni profitis la tempon vizitante ĉion vizitindan en Tivoli, krom ŝiajn famajn ĝardenojn, kaj trakurante ĝiajn stratojn. Fine, ni vespermanĝis en tipa restoracio, kaj estis jam pli ol nokto-mezo, kiam ni daŭrigis nian veturadon al Nápoles.

Post aŭtobusa vizito tra la urbo ni translokiĝis al insulo Capri, kiu sendube estas vizitinda, belega estas ĝia fama blua groto, kiun vi vizitis en malgranda boato. Post turisma rondveturado tra la insulo kaj vizito al ĉiuj vendejoj, la tagmanĝo en Hotel Eden Place, estis ja ripoziga. Post mallonga halto en Nápoles revene, ni alvenis al la hotelo je la 22-a, post aŭtobusa nokta vizito al malnova parto de Roma.

La 17-an, ni finis nian viziton al ĉefaj vidindaĵoj de Roma, ĉar, la sekvantan tagon frumatene, ni devis komenci nian revenan venturadon. Tiu tago vespere, ni vizitis la kvartalon Trastevere kie en tipa medio ni vespermanĝis bonegan "pizza".

Tra belega marborda ŝoseo kaj post mallonga halto en Livorno, kie ni tagmanĝis, ni alvenis al Ĝenovo, kie "deviga" estas la vizito al la tombejo, la skulptaĵoj tie ekzistantaj igas ĝin vizitinda muzeo; la urbo kun siaj deklivaj stratoj kaj sia aktiva haveno, eble la plej grava de l' "Mare-Nostrun" estas tre interesa.

La 19-an posttagmeze, ni denove enŝipiĝis por reveni al Hispanujo. Nova ripozo en "Cabo San Sebastián", komforta kaj plaĉa en tiu mirinda vesperiĝo de la maro. Ĝuante la lastajn momentojn de tiu bela ekskurso, plaĉe oni rememoras ĉion, kion oni vidis.

Alveninte al Barcelona ni devas vekiĝi al la reala vivo, feliĉe por ni ne ekzistas la vorto "adiaŭ", kiu pli mal pli, signifas kvazaŭ morti; do, nia adiaŭo estas ĉiam "Ĝis revido". Ĉu en Barcelona, Gijón, Urugvajo aŭ Zaragoza?

Tutcerte en Esperantujo.

*Joaquín Bielsa*

---

## VORTOJ DE LA SANKTA PATRO AL LA ESPERANTISTOJ

Dum la ĝenerala aŭdienco, okazinta en Placo San Petro merkredon la 13-an de aŭgusto, la Sankta Patro tute aparte turniĝis, en itala lingvo, al la partoprenantoj en la Internacia Kongreso de IKUE per paroladeto, kies laŭvorta traduko estas:

«Nun Ni adresas nian saluton kaj nian bondeziron al la partoprenantoj en la 36.a Internacia Kongreso de la Katolikaj Esperantistoj. Al viaj apartaj kulturaj celoj vi volis aldoni noton delikatege religian, eniĝante en la spiriton de la Jubileo, kiu al ĉiuj bonvolaj homoj parolas pri renoviĝo, pri konvertiĝo, pri retrovita kontakto kun Dio, kiu amas kaj pardonas. Ĉi tiu spirito gvidu vin en la instigo al frateco kaj kompreniĝo inter la diversaj popoloj malsamlingvaj, laŭ la programo, kiu vin distingas. Tio estas nia sincera bondeziro, kiun Ni plivalorigas per nia Apostola Beno, favoranta la donacojn de la Sinjoro."

*«Ni emas... preventi, ke la revuo refariĝu afiŝtabulo nur de la estraro aŭ de unu homo en ĝi, kio en la pasinteco ofte okazis kaj estis rekta atenco al la senpartieco de la revuo.»*

ESPERANTO (oktobro 1974)

La nura anonco pri la organizado de la Unua Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado, poste sukcese okazinta en la universitato de Saarbrücken kun interveno de eminentaj esperantistoj (Dro Ivo Lapenna, André Bourdeaux, Heinz Dieter Maas, Gunther Becker, D-ro Max Mangold, Jean Thierry, Reinhard Haupenthal, Helmut Sonnabend kaj Marianne Vermaas) rompis la jam tro streĉitajn nervojn de la sinjoro redaktoro Simo Milojeviĉ, kiu en ESPERANTO (julio-aŭgusto, 1975, n.º 835-6, 7-8) reagas per sia histeria "Danĝera ludo".

Supozeble, la senprecedenca gal-eksplodo de s-ro Milojeviĉ ricevos adekvatan rebaton de Reinhard Haupenthal, kaj ankaŭ de la gvidantaro de la Hispana Esperanto-Federacio, kies oficialan reagon al la aroganta kaj humiliga insulto de s-ro Milojeviĉ ni atendas kun intereso.

En la sama numero de ESPERANTO, la sinjoro redaktoro skribas en "Vi trovos":

*«Cetere mi preskaŭ firme decidis ne plu uzi ĉi tiun spacon en la revuo por redaktoraj meditoj, sed meti sur ĉi tiun lokon iun tute senkulpan foton. Fervoraj legantoj de la hispana periodaĵo "Boletín" scias, ke al nia rezigno pri plua meditado ĉi-loke grandioze kontribuis s-ro F. de Diego, kiu en sia rubriko "Revuoj de revuoj" en "Boletín", ĉiun nian vorton komentas almenaŭ deklinie. Verdire, ofte estas tiel, ke nia redaktoro tute ne scias, kion li volis diri, antaŭ ol aperas la sekvanta numero de "Boletín", en kiu s-ro de Diego afable klarigas al ni, kion ni fakte celis diri kaj kion ni finfine diris. Dankon pro tiu bonkora maldormo super la sorto, ne nur de nia revuo, sed de la tuta UEA, kies membro s-ro de Diego ne estas dum la lastaj tri jaroj. Dankon ankaŭ pro la senpaga reklamado de nia redaktoro, kies nomo dum la lasta duonjaro pli ofte aperas en "Boletín" ol el nia revuo.»*

Ne dankinde, sinjoro redaktoro. La vero estas, ke vi rekomendas vin mem, kaj ke miaj komentoj apenaŭ necesas, por ke inter la fervoraj, kaj eĉ inter la ne fervoraj, legantoj de BOLETIN, via nomo brilu kiel fama ĉampiono de kontraŭdiroj, kiel senegala majstro de prisilentoj, kiel aplomba tordisto de faktoj.

En "Revuo de la Revuoj" oni faris al vi, sinjoro redaktoro, kaj ankaŭ al la sinjoro direktoro de la Centra Oficejo, nombron de konkretaj, esencaj demandoj pri tio, ke la nuna UEA nek estas, nek povas esti neŭtrala, kaj, kiel atendite, same vi kiel doktoro Sadler respondis —kaj respondos per la plej absoluta silento. Okazas tamen, ke vi krias: "Sur la tablon la atutojn, se oni havas ilin" (en via artikolo "Danĝera ludo"), kvankam jam de kelkaj monatoj ni prezentas al vi nombron da ili. Sed vi reagas, forlasante la ludotablon, parolante pri aferoj tute senrilataj al la partio, kaj klopodante kovri per povraj histrionaĵoj vian propran embarason.

La sorto de UEA, sinjoro redaktoro, ne prenas de mi la dormon. Maldormas vi, ĉar, kiel pagata oficisto de UEA, vi vidas, ke via laboro pendas sur fadeno pro la konstanta akriĝo de la krizo en la Asocio.

Se vi, sinjoro redaktoro, elprenis el via arĥivo la informon, ke mi eksiĝis el UEA antaŭ tri jaroj, certe en la sama arĥivo sidas ankoraŭ mia korespondaĵo kun, interalie, d-ro Sadler pri la kaŭzo de mia eksiĝo. Kial vi ne aldonis, sinjoro redaktoro, ke ne nur mi, sed ankaŭ pluraj hispanaj esperantistoj same eksiĝis pro la sama motivo: pro la rompo, en difinita kazo, de la neŭtraleco kaŭze de la zigzaga manipulado de grava funkciulo de UEA poste senkaŝe irinta al la vicoj de la puĉistoj?

Fine mi bedaŭras, ke vi ne plu uzos "Vi trovos" por viaj redaktoraj "meditoj", ĉar, kiel sciate, per la brilaj konkludoj de via sinkontraŭdiranta dialektiko, ni preparis plej frandindajn pladojn por la legantoj de BOLETIN. Vere, sinjoro redaktoro, via kunlaboro estas plej dezirata por ĉi tiu rubriko!

——oOo——

En la antaŭa numero de ESPERANTO (junio 1975, n.º 834), s-ro Milojeviĉ skribas:

*«Kiel sola akceptebla klarigo pri la membrofalo en la jaro 1974 restas la fakto, ke la membrokotizoj de UEA altiĝis de 1973 al 1974 je plenaj 33 %.»*

Sed pro la jam aludita brila dialektiko de la sinjoro redaktoro, li, kiel kutime, kontraŭdiras sin mem, deklarante ĉe la komenco de sia artikolo:

*«Se oni rerigardas la statistikaĵojn pri la nombro de la individuaj membroj dum la lastaj dudek jaroj, oni venas nur al unu klara konkludo: tiu nombro apenaŭ ŝanĝiĝas, ĝi stagnas.»*

Nu, se konsideri, ke en la lastaj dudek jaroj oni altigis ofte kaj konsiderinde la kotizojn, kaj tamen la membronombro stagnis, oni devus, laŭ la logiko, atendi la saman fenomenon en 1974. Sed la eksiĝoj okazis en la ĝis nun senprecedenca proporcio de pli ol 10 % de la individua membraro!

Poste, eble por ke la leganto "ĝuu la numeron", kiel s-ro Milojeviĉ petas, li aldonas:

*«Ĉar la kotizoj denove altiĝis ĉi-jare, oni povas atendi novan falon de la nombroj de individuaj membroj.»*

Kaj tuj sekve:

*«...sendepende de tio, ĉu ni ŝanĝus aŭ konservus la nunan gvidantaron de la Asocio.»*

Vere miriga kaj eksterordinara konfeso! Ho ve, kien forvaporiĝis la triumfaj tagoj de la puĉo de Hamburgo, kiam unu sinjoro estrarano parolis pri *"la novaj (re) aliĝoj al UEA"*, tial, ke la Asocio fine liberiĝis de la fatala influo de d-ro Lapenna? Ĉu la nova, "juna" gvidantaro ne venis savi la Asocion per siaj geniaj, dinamikaj kaj demokratiaj ideoj, helpate de la entuziasmo de la "grandega plimulto de la membroj"?

——oOo——

En INTERLINGVISTIKA INFORMA SERVO, n.° 2, dua trimestro 1975, d-ro Artur Bormann skribas:

*«Ekzemplojn por mankanta disciplino prezentas tiuj, kiuj forlasas la organizaĵon [UEA-n] definitive, nur ĉar iu elekto aŭ decido ne plaĉas al ili, kaj kiuj krome provas estigi malfacilojn.»*

Tio estas stranga pens-maniero. Ŝajnas al ni memevidente, ke, kiam asocio ŝanĝas sian karakteron, perdas sian liberecon kaj ne plu konformas al la idealoj de la membroj, ĉi tiuj preferas eksiĝi. Vere tio estas normala, logika kaj honesta procedo.

Sendube d-ro Bormann konsideras modelo de lojalo kaj memdisciplino la konduton de kelkaj estraranoj de UEA, kiuj, ĝis la puĉo de Hamburgo, dediĉis sian tempon kaj energion meti stumblilojn sur la vojo de sia prezidanto, skribante kaj dissendante cirkulerojn, kaj ĉiel komplotante kontraŭ li.

——oOo——

En la sama numero de INTERLINGVISTIKA INFORMA SERVO, paĝo 26, aperas la jena resumo, kiun mi volonte kaj senhezite subskribus:

*«Interlingvistika realismo kaj utopiismo. Pri 'interlingvistika utopiismo' prof. d-ro St. Ĝuĝev, membro de la Akademio de Esperanto, skribis en 'Filologo', la organo de la Esperantistoj-filologoj (IUEF) 1, 2/1975. En ĝi li kontraŭis la opiniojn de kelkaj scienculoj gramatikistoj, kiel 'la fariseoj de la lingvistiko', kiuj senĉese cerbumadas kaj diskutadas pri la plej perfekta lingvo, asertante, ke la hodiaŭa tempo estas ankoraŭ ne matura por interlingvo kaj postulante "unue la maksimuman perfektecon kaj nur poste la disvastigon". Por tia superperfekta cibernetika lingvo pledis ekz. Svadost, kiu nomis la finlaboritan internacian lingvon 'lingvo-sputniko'. Ĝ. pruvas, ke tia tempopunkto neniam venos, ĉar eĉ post epoko por la ĝuste vivantaj homoj ŝajne plej progresintaj, pliaj progresoj tamen okazos. La imago pri absoluta, ideala kaj maksimuma lingva perfekteco estas ĥimero laŭ esprimo de Kant ('Hirngespinst'). Ĝi ne povas ekzisti kiel ankaŭ ne io absolute bela, absolute bona, absolute justa, absolute vera. Anstataŭ tio oni devas kontentiĝi kun relative perfekta, relative belsona, sufiĉe preciza, logika, vivanta lingvo... Ke Zamenhof pravis, evidentas ankaŭ el tio, ke neniu alia sistemo, ankaŭ ne la IALA-modelo Interlingua konstruita helpe de grandegaj financaj rimedoj povis ŝanceli la pozicion de Esperanto. Kontraste al Zamenhof estas tiuj, kiuj ĉiam nur postulas ion pli perfektan kaj tiamaniere neniam ion praktikan atingos, naivaj utopiistoj.»*

Kaj ĝis la venonta revu-rikolto, vin kore salutas.

**F. de Diego**

## SEKRETARIA RAPORTO PRI LA LABORO REALIGITA DUM LA PERIODO EKDE LA UNUA DE JULIO DE 1974 ĜIS LA TRIDEKA DE JUNIO DE 1975

La Estraro de H.E.F. unu plian fojon prezentas la jaran sekretarian raporton al la Ĝenerala Kunveno de H.E.F., dum la Hispana Kongreso de Esperanto.
Dum la pasinta jaro ne okazis ŝanĝoj en la Estraro de H.E.F., ĉiuj estraranoj daŭris statute ĉe siaj postenoj.

Ni komencu la trarigardon de la realigoj per la instruado de Esperanto; du kursoj elementaj estis gvidataj de S-ro Ibáñez en la Centra Sekretariejo de H.E.F.
Oni aranĝis prelegojn okaze de la Zamenhofa Tago: en decembro, S-rino Carmen Payá prelegis pri utileco de Esperanto por pli bona kono de la mondo, kaj S-ro González Aboín pri la scienca valoro de Esperanto; en aprilo, S-ro Zurita Fanjul prelegis pri la problemo de internacia komunikado. Krome, nia Prezidanto Profesoro Figuerola prelegis en Vigo dum la esperanta ekspozicio.

Rilate al ekstera informa agado, estas rimarkinda la televidelsendo "Ĉi tie nun" en la monato aprilo. Per radio elsendis esperantistajn programojn la Hispana Nacia Radio, la 15-an decembron ĉe parolata ĵurnalo, regiona vivo kaj tria programo. Ĉe Radio Madrid, en 25-a horo, en la monato marto; Radio Peninsular elsendis pri Esperanto, en decembro kaj Radio Popular okaze de la Kongreso en Valladolid.

Dum familia vojaĝo al Usono, nia Prezidanto kontaktis kun esperantistoj en Santa Mónica, Santa Bárbara kaj San Diego.
La ĵurnaloj kaj gazetoj ofte pritraktis esperantistajn temojn.
Nun ni rigardu la aktivaĵojn de la diversaj sekcioj kaj servoj de la Federacio.

BOLETIN: Kiel ĉiam la oficiala organo de H.E.F. aperis regule kaj akurate pro la efiko de sia redaktorino F.ino Inés Gastón.

FERVOJISTA SEKCIO: Post la granda sukceso de la organizado kaj realigo de la 26-a Kongreso de IFEF, oni sekvis la saman ritmon kiel en antaŭaj jaroj, partoprenante kelkajn esperantistajn aranĝojn. Oni daŭrigis la esperantajn kursojn per korespondado.

Menciinde estas la pligrandigo de la biblioteko, en esperanta, kaj en la hispana.

JUNULARA SEKCIO: Regule aperis HEJS, bulteno de la Sekcio, kun meza eldon-nombro da 325 ekzempleroj. Unuafoje en ĝia historio oni sukcesis eldoni adresaron, grava atingo, kiu meritas gratulon de ĉiuj. Pri la rilatoj kun TEJO la elstara fakto estas ke la nombro de hispanaj membroj en la TEJO-komitato altiĝis de 1 ĝis 4.

TURISMA SEKCIO: Kiel en pasintaj jaroj ĝi organizis Franca-Hispanan Esperantistan Renkontiĝon, ĉijare, la VII-an en Huesca. Ankaŭ oni ricevis vizitojn de samideanoj el kelkaj landoj, kaj la estraro de la Sekcio havigis informojn pri feriaj lokoj en Hispanujo kaj vojaĝplanojn al esperantistoj el plej diversaj landoj.

HISPANA ESPERANTA AŬRORO: La plej gravaj aktivaĵoj estis la korespondа kurso de Esperanto kaj la informa bulteno SUKCESO. Ankaŭ oni ampleksis la brajlan bibliotekon en kiu estas gravaj esperantaj verkoj, kaj oni havigas la legadon de esperantistaj revuoj brajle al la sekcianoj.

ELDONA FAKO: Oni daŭrigis la dissendado de la verkoj laste eldonitaj ĉefe "Kun sopira koro" kaj "La lingva problemo en la internaciaj rilatoj".

FONDUSO ESPERANTO: La Patronaro de Fundación ESPERANTO disdonis premiojn 1974-jaro, kiujn gajnis S-ro Vilmos Benczik kaj S-ro Hernández Llusera en Literatura Konkurso, kaj tiu por Esperanto-instruistoj, sub la nomo "Casanovas-Ferrándiz" estis por Pastro Claramunt Sch. P.

LIBROSERVO: La nova libroservisto S-ro Gómez Martín vigligis la vendadon de la esperantaj libroj, kiu atingos antaŭan nivelon.

Fine mi deziras danki la helpon de ĉiuj kunlaborantoj, la konstruajn kritikojn kaj la bonvolemon pro la eblaj mankoj.
Tutkorajn salutojn al ĉiuj.

*José M.ª González Aboín*
Sekretario de H.E.F.

HAMBURGO EN RETROSPEKTIVO. Dokumentoj kaj materialoj pri la kontraŭneŭtraleca politika konspiro en UEA. Aŭtoro, prof. d-ro Ivo Lapenna. Eldonis Sarlanda Esperanto-Ligo (Saarbrücken) 1975. IBM-preso. 96 paĝoj, formato 20,6 × 29,2 cm. Prezo: 240 pesetoj.

Amiko leganto, jen vi staras antaŭ senprecedence grava dokumento. En kvin ĉapitroj, d-ro Lapenna dissekcas kaj analizas la cirkonstancojn, kiuj kondukis al la puĉo de Hamburgo, studas la disvolviĝon interne de UEA de negativaj fortoj de diversaj signoj, rakontas iliajn kontaktojn kaj koluziojn kaj en la fina ĉapitro, "De konspiro al la puĉo", priskribas, kiel la eventoj kulminis per la venko de la komplotintoj kontraŭ la neŭtraleco de UEA.

HAMBURGO EN RETROSPEKTIVO estas la objektiva historio de epizodoj, kies hontindan karakteron klopodas sensukcese kaŝi la komplotintoj, kiuj, kiel anticipite, gvidas la Asocion al rapida pereo.

Mi imagas, ke la ordinara esperantisto sentos sin profunde kaj konstante ŝokita antaŭ la informoj kaj riveloj prezentitaj de d-ro Lapenna en lia historio de la eventoj kaj ties protagonistoj, kaj ke multaj el tiaj eventoj ŝajnos al la leganto apenaŭ kredeblaj. Sed d-ro Lapenna —ne por nenio li estas prestiĝa advokato— konfirmas siajn asertojn per, interalie, propraj deklaroj de la komplotintoj mem, do HAMBURGO EN RETROSPEKTIVO estas, de la unua ĝis la lasta paĝo, nerebatebla pruvo de la malica manovrado de grupoj de diversa karaktero: unuj puŝataj de politikaj motivoj, kaj aliaj de persona abomeno kaj envio antaŭ la supera intelekta kapablo de d-ro Lapenna.

Kiel konkludo de sia impona dokumento, d-ro Lapenna diras:

«*Se antaŭ la publikigo de tiu ĉi dokumenta materialo oni povis preteksti, ke la faktoj ne estis sufiĉe konataj aŭ kontentige pruvitaj, nun tio ne plu eblas. Ĉiu plua pasiva silentado signifas kunrespondecon aŭ eĉ komplicecon. Erari oni povas. Tio estas homa kaj pardonebla. Persisti en la eraro estas nepardoneble.*»

Oni ne povas sufiĉe rekomendi al vi la atentan legadon de HAMBURGO EN RETROSPEKTIVO se vi deziras havi klaran ideon pri ĉio okazinta ĝis Hamburgo, kaj pri ĉio, kio sekve okazos, kaj, kiel diras Reinhard Haupenthal en sia enkonduko, decidi "*ĉu plu resti en Asocio, kiu ne estas plu si mem, ĉu interne de UEA urĝe postuli plenan reestablon de la antaŭhamburga situacio, ĉu apatie lasi pendi la flugilojn aŭ esti preta labori por io nova, se restis sparko de espero*".

*F. de Diego*

LA FORAJ STELOJ, novelaro tradukita el la vjetnama. Eldono de Fremdlingva Eldonejo, Hanoi, 1974. 256 paĝoj, 13 × 18,7 cm., broŝurita. Prezo: Dek du noveloj, verkitaj ekde 1965,

formas ĉi tiun novan libron, kies intrigoj havas kiel komunan fonon la militon, jam feliĉe finiĝintan, kaj la prikanton al sinofera spirito de batalantoj kaj civiluloj.

Kiel en aliaj ĉi-specaj libroj publikigitaj en Hanoi, en "La Foraj Steloj" troviĝas, apud la neevitebla tendenca literaturo, des pli nepra en milita tempo, ankaŭ aspektoj kaj epizodoj respegulantaj la ordinaran vivon, la medion kaj la homan psikologion de Vjetnamio, vere interesajn kaj konindajn.

Bedaŭrinde, la libro ne donas la nomo(j)n de la tradukinto(j) de la noveloj; iel ajn, ni elkore gratulas (i)lin, pro bele kaj ame farita laboro, kiu povus taŭgi kiel modelo al ne malmultaj Esperanto-tradukantoj de la okcidenta mondo. Esperehle, jam kun la lando en paco, niaj senlacaj kaj imitindaj samideanoj vjetnamaj regalos nin ankaŭ per pli da verkoj de alia karaktero ol la pure milita. Gratulojn denove al la vjetnamaj esperantistoj pro la fino de la terura konflikto kaj pro la rimarkindaj atingoj de ilia Esperanta laboro malgraŭ la aparte malfacilaj cirkonstancoj.

*F. de Diego*

ÂRHUS, Danlando 1975/76. En marto 1975 aperis la 4-a eldono de tiu interesa turisma broŝuro, mendebla ĉe Turistforeningen, Rädhuset, DK-8000 Ârhus C, Danlando.

ZAMENHOF, LETEROJ. Adolf Holzhaus. Antaŭparolo de la aŭtoro. Eldonis Fondumo Esperanto je kosto de la aŭtoro. Helsinki, Finnlando. 14 × 21 cm. 329 paĝoj. Prezo:

KREDU MIN SINJORINO. Originale verkita de Cezaro Rossetti. Nova antaŭparolo de Reto Rossetti. Antaŭparolo al la una eldono de Raymond Schwartz. Dua eldono. Eldonis Libroserbo de SATEB, Ilford, Britio. 13,5 × 19 cm. 260 paĝoj. Prezo: £ 0,90 aŭ egalvaloro.

